Jaro 6a. Januaro 1923. Numero 2a.

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA.

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la Internacia MOVADO POR ĈASTA VIVO.

**Trimonata bulteno. Membra kotizo aŭ abono jare nederl. fl. 2.—**

**Adreso:** Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel (Germanujo), Alsterkrugchaussee 586 (redaktanto-kasisto).

Naciaj sekretarioj de V. L. E. kaj kotizoj aŭ abonoj en nacia mono:

Belgujo (F 8.—): kiel Francujo.
Bulgarujo: Unuiĝo de Vegetaranoj Esperantistoj en Bulgarujo, kotizo kun bulteno L 25.—, sekretario Dimitr Simeonov, strato 6 septemvri 1, Sofio.
Ĉehoslovakujo (Kĉ 20.—): D-ro Rudolf Hickel, Mareschgasse 4, II., Leitmeritz.
Danujo (K 3.50): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., København-K.
Estonujo (Emk. 50.—): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Tallinn.
Finlando (Fm. 12.—): S-ro V. J. Kostiainen, Vaasankatu 3 D. 95, Helsinki.
Francujo (F 8.—): F-no Cécile Royer, 14 rue des Carmes, Paris V. Poŝtĉeka konto Paris 25 777.
Germanujo (M 400.—): la redakt., Poŝtĉeka konto Hambg. 31883.
Grand-Britujo (s. 4.—): S-no Margaret Blaise, 10 Castle Way, Hanworth near London, Middlesex.
Hispanujo (P 5): S-ro P. Linarès, Huerto San Basilio Córdoba.
Hungarujo (K 200): S-ro Bihari Mór, Népszinház-utca 27, IV./31, Budapest VIII.
Italujo: sendu 10 lirojn en papermono al la redaktanto.
Latvujo (gM. 500): S-ro Talivaldo Indra, pasta kaste 475, Riga.
Litovujo (L 1.50): S-ro P. Medem, Smeliu g. 12, Kaunas.
Nederlando (fl.2): S-no C.J.Roskes-Dirksen,Anemoonstr.96, Hago.
Polujo: sendu mil polmarkojn al la redaktanto.
Rumanujo (L 50).—: Esperantocentro Rumana, Alea Suter 19, Bukaresto.
Rusujo (gM.500): S-ro St. Szabuniewicz, poŝtkesto 663, Moskvo.
Sveduio (K 3.20): S-ro K. A. Karlstén, Halberg pr. Glommersträsk, Norrland.
Svisujo (F 5): F-no Maria van Rees, Chalet Bertha, Wilderswil.
Usono (Dl. 0.75): S-ro Karl Fröding, 419 Seventh Str., Rockford, Illinois.

El landoj necititaj oni pagu egalvaloron de nederl. fl. 2.— per nacia papermono. Evitu poŝtmandatojn, ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Familianoj de membro, ne postulante apartan bultenon, rajtas pagi duonan kotizon.

Centro por la kotizoj de la Internacia Movado por Ĉasta Vivo: kasistino S-no C. J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat96, Hago, Nederl.

## Por novjara laboro.

Ĝojoj pasis kaj doloroj;
iluzioj mortis for.
Gajaj kaj malgajaj horoj
trovis eĥon en la kor'.
Ĉie, kie vivo estas,
iuj ploras, iuj festas.
Donu nun la nova jaro
ĝojon nur al ĉiuj ni.
Estu ĝi por la homaro
plua paŝ' al harmoni'!
Liberigu el mizero
paco nin sur tuta tero. — O. B.

## Paco.

Jes, pacon ni deziregas, kaj tiu paco dezirata ne estas dormado, sed stato de senĝeneco, kiu ebligos al la homaro evolui, atentante ĉiujn flankojn de nia vivado por ĉiama antaŭenmarŝo al ĉiam novaj celoj. Tiun ĉi pacon ni ne ricevos kiel donacon de ekstere; sed ni mem devas krei ĝin. Ĉiu diro, kiu eliĝas el nia buŝo, ĉiu skribaĵo, kiu forlasas nian skribtablon, ĉiu laboro farata de ni devas stari sub nia kontrolo, por ke neniu trovu en ĝi perfidon kontraŭ la celado de nia koro kaj kontraŭ la delikateco, al kiu evoluis nia sento.

Ni ne bezonas fari kvazaŭ komercan propagandon pri niaj intimaj celadoj, nek kulturi nian sentemon, ĝis kiam ĝi fariĝos sentimentalismo artifika. Sufiĉas, ke ni obeu nian internan voĉon kaj la konsekvencemon de nia penso; tiam jam estos vero en nia agado kaj parolo.

Plej fortaj malhelpiloj en tiu necesa memkontrolo estas la alkoholo kaj la kutimdiroj. Per la kutimdiroj senpripense transprenitaj de la nepensanta amaso aŭ de intencaj popoleksciti stoj (gazetistoj, politikaj direktantoj) ni donas al la diablo la malgrandan fingron, kaj baldaŭ li prenos la tutan manon.

## Diro de Emerson.

Politika venko, plialtigo de via mongajno, la kuraco de viaj malsanoj aŭ iu alia favora okazaĵo ĝojigas vin, kaj vi pensas, ke de nun vi ĝuos belajn tagojn. Ne kredu tion! Nenio povas doni al vi la pacon krom vi mem; nenio povas havigi al vi la pacon krom la triumfo de la principoj.

## Alvoko al ĉiuj homoj.

Per la fumado la fumanto malutilas ne nur sin mem, sed, krom tio li malbonodorigas la tre necesan puran aeron por siaj kunvivantoj. Ĉu en laborejoj, ĉu en kontoroj, ĉu en vagonaroj, ĉu en domoj, la spiradaj organoj devas necese degeneri kaj malpuriĝi pro la konstanta enspirado de tiuj bruliĝproduktoj. Jam la suĉinfano en grandaj rondoj de la popolo estas malutiligita pro la malbona domkonstruado. Pro tio la tabakuzado estas unu el la ĉefkaŭzoj de la ĉiam pli granda disvastigado de la tuberkulozo. Ne nur la tuberkulozbaciloj estas kulpaj al tio, sed ankaŭ la fumantoj, kiuj devigas aliajn vivi kaj labori en lokoj plenaj de haladzigita aero.

Vidante la teruran ftizmizeron tra la tuta mondo ni nin turnas al ĉiu fumanto kaj ni opinias lin ankaŭ responda por la disvastigo de tiu timiga malsano, kiu postulas ĉiun jaron centmilojn da oferoj. Ĉiuj patrofumantoj, ĉu en la domo, ĉu en la laborejo, estas kunkulpaj al tio, ke centmiloj da infanpulmoj malboniĝas en la pro tabako putrita domaero, precipe se la infanoj ankaŭ devas dormi en tiuj lokoj.

Ni kontraŭbatalantoj nomas la tabakmalbonon kulturhonto kaj ni postulas de ĉiu homo, kiu opinias, ke li ne povas vivi sen tiu incitilo iom da kompreno kaj homamo. Senigu vin de tiu malbono (se ne por via propra bonfarto, sano kaj financa profito, tamen pro amo al viaj infanoj, via edzino kaj ĉiuj kunvivantoj), kiu disvastigas la pulmopeston, t. e. tuberkulozo, tra la tuta kulturhomaro kaj pripensu, ke la homo plej necese bezonas puran aeron. Ni ne volas depreni la bonon de niaj kunvivantoj sed ni volas alporti ĝin al

ili. Eĉ ni volas doni ion pli bonan por la imagita ĝuado, instigante ilin ekzerci je sporto, promenadoj aerludoj, ĝardenlaboroj, arto kaj sento por la beleco. Precipe ni devas atenti la fondadon de junulardomoj por agrabla kaj kultura klerigado. Tiaj institucioj atestos pri nia forto. Tial ni tabakbatalantoj devas esti morale fortaj homoj kun fortika volo.

La sperto montras ke la fumantoj instigas aliajn, precipe la junajn homojn. Preskaŭ ĉiu kutimiĝas al la atmosfero de fumo kiel la flegistoj al la atmosfero de malsanulejoj, kiel la sklavoj al la malliberec0. Estas la devo de la homgvidantoj liberigi iliajn fratojn de tiu ensorĉo.

Ni volas liberigi niajn kunvivantojn de tiu tirano. Ni tial fondis ligon por kune bataladi kontraŭ la malbonon de la fumkutimo. Ĉiuj ne-fumantoj, medicinistoj, patroj edukantoj kaj edukistoj, sportamantoj helpu nin kaj aliĝu al nia ligo. Ni bezonas grandan armeon por tiu liberiga milito. Niaj infanoj kaj genepoj estos dankaj al ni. Estas batalo por la purigo de la sango, la superrego de la spirito, por la paco de la animo, batalo de kulturo kontraŭ tabako!

Internacia Ligo por la batalo kontraŭ la tabako.

Richard Bretschneider, sekretario,

Kügelgenstraße 41, Dresden-A. 19, Germanujo.

---

**Diro de Goethe.**

La tabakfumado faras la homon stulta kaj nekapabla por pensado kaj poeta kreado. Ĝi estas io ekskluzive por nenionfarantoj, por homoj, kiuj ne scias uzi sian tempon, kiuj transdormas trionon de sia vivo, la duan trionon fuŝokupas per manĝado, trinkado kaj aliaj necesaj kaj superfluaj faroj kaj, kvankam ili ĉiam diras: „Mallonga estas la vivo!", ne scias, kion fari dum la lasta triono. Por tiaj mallaboremaj heroidoj la intima amema interrilatado kun la pipoj kaj la kontentiga aspekto de la fuma nubo, kiun ili spiras en la aeron, estas intelekta tempopasigilo; ĉar tio helpas al ili, forpasigi la horojn. Al la fumado asociiĝas la biertrinkado, por ke la varmigita palato estu refreŝigata. La biero lacigas la sangon kaj plifortigas la ebriiĝon kaŭzitan de la narkota tabakfumo. Tiamaniere la nervoj estas malakrigataj kaj la sango malfluigata ĝis ekhalto de la fluado. Se la malbona kutimo, kiel jam ŝajnas antaŭvideble, kreskos, oni vidos post du aŭ tri generacioj tion, kion tiuj ĉi bierventruloj kaj impertinentuloj faros el la germana lando. La unua signo estos la spiritmanko, kripliĝo kaj mizereco de nia literaturo, kaj tiuj fuŝuloj eĉ admiros ankoraŭ tiun mizeron! Kaj kiom kostas tiu abomenaĵo! Jam nun 25 milionoj da taleroj en Germanujo transformiĝas en tabakfumon, kaj tiu ĉi sumo povos kreski ĝis kvardek, kvindek aŭ sesdek milionoj. Kaj neniu satulo satiĝas, neniu nudulo vestiĝas per tiu elspezo! Kion oni povus fari per tiom da mono! Sed la fumado krome estas forta malĝentileco, impertinenta socia konduto. La fumantoj pestodorigas la aeron en larĝa ĉirkaŭo kaj sufokas ĉiun honestan personon, kiu ne scias fumi por sia defendo. Kiu povas sen naŭzo eniri la ĉambron de fumanto, kaj kiu povas resti en ĝi ne sufokiĝante?

---

Pri la tabako sciantoj de la germana lingvo legu la libron de Profesoro D-ro H. Stanger „Tabak und Kultur", eldonejo: Melchior Kupferschmid, Munĥeno.

---

**LA HELA BULGARUJO.**

Sub pura neĝa kovraĵo pasigas sian vintran dormon la lando de l'rozoj. Ripozos la fruktodona kaj forta tero, ĝi bone sin preparos kaj printempe sur la ravaj valoj de Strema kaj Tunĝa [1]) ekfloros milionoj da ruĝaj rozoj. Facila vento disportos malproksimen ilian dolĉan odoron, iliaj rozkoloraj ridetoj ornamos la verdajn kampojn, sed la ĝojan senton, kiun vekas tiuj ruĝfloroj, kaj la pacan revon, en kiu svenas la koro, ombrigas malnova doloro. Doloro, kiu igas la „potencan bruston" de tiu ĉi tero, de tiuj ĉi fortoplenaj kampoj spiregi, ĉar la koloro de l'abunde florantaj rozoj memorigas pri la koloro de l'sango, kiu dum jarcentoj subverŝas la kampojn de tiu ĉi maltrankvila vojkruciĝo, kie ĉiu roko estas surtomba monumento kaj en ĉiu arbusto flustras la lasta diro de nekonata viktimo.

Kaj post kiam malantaŭ la arbarkovrita Stranĝa Monto malaperis la duonluno de l'Sultano, post kiam estis detruitaj la malnovaj malliberejoj kaj la laborema gento loĝanta la koron de l'Balkana duoninsulo reakiris sian politikan liberon, ne estiĝis tie paco kaj la malhelan vivon de la popolo ne lumigis alta konscio. Tiuj kiuj havis fortojn kaj estis alvokitaj semi la lumon kaj veki animojn, dronis sub la komforto kaj la tentoj de la nova povo kaj aranĝante la vivmanieron de sia popolo laŭ modelo de l'okcidentaj ŝtatoj, anstataŭigis la malnovajn malliberejojn per novaj, modernaj, la „hajdukajn" bandojn per disciplinita armeo kaj la arbitrajn agojn de l'turkaj provincestroj per la arbitreco de l'ŝajna kaj iluzia popolregado.

La animoj kaj la mensoj de la plimulto, bedaŭrinde, ankoraŭ sekvis la vojojn signitajn de l'facila vivkompreno, de la partia kaj profitema patriotismo kaj de la politika demagogio, kiu certe aliloke ne estas atinginta tian satanan malŝaton de ĉio homeca kaj dieca en la homoj. La scienco apenaŭ kuratingas la akademian materialismon de l'pasinta jarcento, kaj en la arto regas inokuliĝado sur loka grundo de modernaj kaj facilaj, sed ne belaj kaj klasikaj, cetere pli malfacile atingeblaj modeloj de l'eterna arto. Jen la kaŭzo, ke malgraŭ la granda spirita kaj historia riĉeco de l'bulgara popolo, la montriĝoj de ĝia ekstera kaj oficiala vivo plej bone esprimiĝas per la popola proverbo: „malgranda lageto — malgranda fiŝaro".

Sed kiel meze de la grandaj popoloj orientaj kaj okcidentaj, ankaŭ tie ĉi penetris kaj trovis riĉan, virgan kampon la humanitara kaj religia penso, kiu sola povas batali kontraŭ la malklereco kaj la perforto kaj ilin venki, alportante veran liberecon al la homoj.

Precipe pro la proksima kaj forta influo de Leono Tolstoj, inter la bulgara popolo, malrapide, sed senĉese penetras la instruo pri la Amo kiel fundamento de l'vivo, la ideo pri vegetarismo, la ideo pri simpla, labora kaj laŭnatura vivo, la ideo pri mondlingvo Esperanto, la ideoj de Henry George pri la granda peko de la terposedrajto kaj pri la vojo de ĝia nuligo, la ideo pri terkulturkomunumoj kaj kolonioj — ideoj kies komuna fonto troviĝas en la kortuŝa vero, ke ĉiuj homoj estas fratoj kaj Dio estas ilia komuna patro.

Ĉiuj provoj en la vivo kaj la literaturo por la apliko kaj popularigo de tiuj ĉi ideoj montras la vojon

[1]) Strema kaj Tunĝa estas du riveroj, en kies valoj floras plej multe da rozoj. La valo de Tunĝa estas la famkonata „Rozvalo".

sekvatan de l'juna sed entuziasma movado de la fratoj ĉirkaŭ „Vyzraĵdane".

Por ĝiaj / de la movado / branĉoj al pura religia penso kaj vivo, al vegetarismo, al esperantismo, al libera edukado, al George-ismo ktp. laboras kun amo kaj inspiro bonaj batalantoj de l'Dileĝo. Kvankam la sukcesoj estas senbruaj kaj la agado silenta ekzistas io, kio kuraĝigas la „Vyzraĵdane"-anojn, kio inspiras al ili pli profundan kredon je la bono kaj je Dio.

Kaj se en proksima tempo la instruo pri racio kaj Amo en la vivo ektuŝos per sia influo tiujn fortojn de la popolo, kiuj en malnovaj tempoj nutris kaj subtenis la movadon de la „bogomiloj",[*]) kaj se vekiĝos kaj reviviĝos tiuj fortoj, por la bulgara popolo ekestos epoko de religi-socia movado, de paca revolucio, kiu estigos alian, ne sangan, ne militeman kaj monduman Japanujon sur la Balkanoj, sed unu helan Bulgarujon, unu veran patrujon de libero kaj frateco, kiun regos nur Dio kaj en kiu valoros nur la leĝoj de l'justeco kaj de l'Amo.

Ĝi ja ankaŭ nun ekzistas, tiu kara, simpatia kaj hela Bulgarujo, ĝi ekzistas en miniaturo en la frata kunvivo de la batalantoj por ĝi, en iliaj planoj, pensoj kaj revoj.

Kaj ju pli tiuj revoj estas puraj kaj entuziasmigaj, ju pli helaj, klaraj kaj firmaj estas la pensoj, ju pli saĝaj kaj energie aplikataj la planoj, des pli baldaŭ ĝi estos efektivigata, despli frue ĉesos perforto kaj sangoverŝado sur tiu terparto, kaj malaperos la malegaleco kaj la malvirto de ĝi kaŭzata.

Kaj iun printempon vekiĝos la tero de sia vintra sonĝo sen guto da homa aŭ da besta sango sur ĝi. Kaj la rozoj, kiuj tiam ekfloros sur la valoj de Strema kaj Tunĝa, brilos heleblankaj, kaj en iliaj blankaj kronetoj la matena roso eligos pro ĝojo perlan larmon.

Senbrue aŭtuna blovo disblovos la delikatan rozodoron kaj ĉie oni eksentos plenumita la Divolon.

Jordan Kovaĉev.

---

**Vegetara Movado en Finlando.**

La unuaj informoj pri la vegetarismo alvenis ĉitien kun tiel-nomata teorio de Kuhne. Ties unua organo estis la revuo „Terveys" (Saneco), kiu ekaperis en la jaro 1911a. „Finlanda Vegetara Societo" fondiĝis en la ripozejo „Tyynelä" en la jaro 1913a apud la urbeto Salo. Al ĝi aliĝis tuj pli ol 30 anoj. La tuta nombro de anoj estis plej alte 630; sed multaj eksiĝis, precipe dum la lastaj esceptaj tempoj. La hejmloko de la societo estas nun la urbo Oulu (Uleåborg), kaj ĝi havas lokan societon sub nomo „Vegetara Loka Societo" en Helsinko. Kiel ties unua prezidanto agadis kun fervoro kaj diligento inĝeniero F. Sinkko. Nun estas ĝia prezidanto gubernia kancelariisto s-ro H. Mikkonen Vesälä. Kiel sekretarino laboras la tutan tempon kun granda fervoro kaj sindonemo s-no Anna Kurimo, kiu nun loĝas en Oulu kaj redaktas la revuon „Terveys". Pro la manko de aktivaj membroj la agado de la societo ne estas granda. Oni ne posedas rimedojn eĉ por la eldono de literaturo. Por forigi tiun ĉi mankon, s-no Kurimo en dankinda maniero mem finlingven tradukis kaj eldonis fakan literaturon; sed estas malfacile ĝin disvendi. La jarkunvenoj (kiujn oni ne povis havi ĉiujare) estis la solaj pli signifaj okazoj, kie oni penis propagandi nian aferon en la publiko.

Dum la pasinta somero okazis vegetara kongreso de nordaj landoj en Oulu. Tie oni decidis, entrepreni eldonadon de svedlingva vegetara, ĵurnalo, de kiu jam aperis unu numero. Ankaŭ ĝi estas privata entrepreno; ĉar la societo, kiu ne povas proprarimede eldoni eĉ finlingvan organon, ne kapablas subteni la fremdlingvan.

La revuo „Terveys" estas la sola ilo, per kiu oni konservas la ideon viva. En multaj jaroj ĝi donis malprofiton; sed ŝajnas al ni, ke okazis ĝojiga turniĝo, tiel ke ni havas esperon, ke la nunjara eldono de 1500 ekzempleroj elĉerpiĝos. La unua eldono estis okmil ekzempleroj, kaj iom post iom ĝi malprogresis, nun tamen montrante plialtiĝon.

La natursanatorio de Kirvu kaj kelkaj ripozhejmoj, el kiuj nun restas nur tiuj de Kulovesi kaj Paimio, ankaŭ propagandas la ideon. La estro de la ripoza hejmo en Paimio, s-ro S. Luonnonmaa, estas farinta propagandvojaĝon je kosto de la societo. Estas granda manko je paroladistoj en tiu ĉi fako. „Troviĝas multe da laboro, sed malmulte da laboristoj". Tio ĉi plene koncernas vegetarismon. Laŭ s-no Kurimo ekzistas sufiĉe da akceptemo kaj komprenemo por niaj ideoj.

Hugo Salokannel, Laihia.

---

**Ĉu la Vivĝojo dependas de la Nutraĵo?**

Tiuj, kiuj parolas pri vivĝojo, apenaŭ klarigas al si, de kio la ĝojo de vivo dependas. Veran vivĝojon ni vidas apenaŭ en aliaj homoj ol en sanaj infanoj, malofte eĉ en junularo kreskanta. La pli maljunaj homoj jam ĝemas, kiam ili vidas la ĝojegon de infanoj. De kio tio ĉi devenas? Tio devenas el korpa laciĝo kaj spirita senmoviĝo; la bonfarto de la korpo foriris, la maŝinaro laceĝiĝis pro severa laborado, superflua nutraĵo kaj streĉiĝo de la nervsistemo. La vivo ne harmonias kun laboro, nutraĵo kaj ripozo.

Ni vidis antaŭe (la aŭtoro aludas al pli ĝenerala artikolo ankoraŭ ne presita), ke la laborkapablo kaj eltenemo de korpo ĉefe dependas de nutraĵo, kaj en tiu ĉi nutraĵo ne devas esti tro multe da albumenaĵoj; ĉar ili lacigas la digestan organismon. Por forigo de ili fortoj estas bezonataj. Kaj tie,kie oni bezonas fortojn,tie oni bezonas ankaŭ funkciadon de nervoj, tiel ke ankaŭ la nervaro laciĝas kune kun la muskoloj. Se nun niaj fortoj (nia energio) eluziĝas per digestado de multaj manĝaĵoj, kiel ni povus esperi, ke ili ankoraŭ sufiĉu por spirita vivemo kaj okupiĝo per spiritaj fortoj? Post la sufiĉega manĝo ni ja ne povas tuj entrepreni eĉ korpan laboron; sed ni devas ripozi kaj lasi la manĝaĵon malsuprenglití. Kolektante poste nian tutan volfirmecon, ni ree povas eklabori kaj okupiĝi. Tia laceco ne sekvas post la manĝado, se ni ĝuas ĝenerale facile digesteblan kreskomanĝon kaj ne manĝas tro multe, sed nur tiom, kiom gustas bone. Se ni enprenas en nin unu manĝospecon post la alia, kiel estas kutimo ĉe festenoj, ni ricevas troan kvanton da albumeno, kiu efektive plej ĝuste sufiĉus por la tuta tago. Tiun ĉi troan manĝadon kaj trinkadon oni konsideras kiel plej grandan ĝuon, kvankam la korpo pro tio suferas. La korpo malakriĝas, kaj por ricevi kontentiĝon, oni postulas, ke la sekvanta festmanĝo estu ankoraŭ pli malmodera, por ke ĝi ekscitu al nova ĝuo.

[*]) Dum Mezepoko ekzistis en la bulgara popolo forta religia movado konata sub la nomo bogomilismo (aŭ bogomilstvo, t. e. Di-amismo). El Bulgarujo tiu movado penetris en okcidentajn landojn, kie ĝi estas konata sub diversaj nomoj.

La nervoj bezonas ankaŭ eksciton, alkoholon, kafon kaj tabakon, por esti eĉ en eta funkciado. La homoj ne povas plu ĉe siaj festmanĝoj subteni ĝojan humoron; sed fine ili devas havi salajratajn muzikistojn, kantistojn, dancistojn, por plialtigi la mensostaton, kiam tiu ĉi malgajiĝas pro troa ĝuado. Tion ĉi oni nomas vivĝojo!

La mizero en sekvanta tago estas des pli granda. La laborkapablo forestas kaj same la spirita elasteco. Kiam la printempo venas, la urbano instinkte vekiĝas; li observas, ke la aferoj staras malbone; li devas veturi al kamparo, por ĝui pacon, por manĝi simplan, sekan manĝaĵon, por ke li restu eĉ iom laborkapabla. La korpo resaniĝas per simpla nutraĵo al sia antaŭa viveco, se ĝi jam ne tute difektiĝis. Sed, se ĝi ricevis konstantan difekton, tio influos sur posteularon; ili estas tuj en la komenco „malfortaj ujoj", kiuj ne kapablas daŭrigi sian laboron kiel la antaŭa generacio, sed velkiĝas kaj mortas.

Pro tio novaj generacioj kaj novaj fortoj devas veni de sur la kamparo, por subteni la kulturvivon en urboj. Multaj gentoj jam ne vivas multajn jarcentojn; ĉar la malmodereco eluzas ilin fizike kaj spirite. Ili ne maturiĝas en vera vivĝojo, t. e. en korpa kaj spirita ekvilibro, sed eluzis la fortojn de sia „surtera animloĝejo" en superflua ĝuado, kiu estas la plej malbona malamiko de la vera vivĝojo.

Laŭ D-ro med. Levander, Hugo Salokannel.

---

Ni sekvas la agojn de la lupoj, la kutimojn de la tigroj, aŭ pli ĝuste ni estas pli malbonaj ol ili. Al ili la naturo difinis nutriĝon per viando; sed nin Dio honoris per logika pensado kaj konscienco. Kaj tamen ni estas malsuperaj al la sovaĝaj rabobestoj.

Krizostomo (Chrysostomos).

## MOVADO POR ĈASTA VIVO.

**Alkohola veneno kaj nikotina veneno en rilato kun la seksa edukado.**

Okaze de la 16a Internacia Kongreso kontraŭ la alkoholismo okazigita en 1921 en Lausanne, D-ro M. Hartmann (supera studkonsilanto) faris paroladon pri la suprenomita temo, el kiu ni elĉerpas la jenon:

Se la alkoholo, kiel ĉiuj kompetentuloj nuntempe konsentas, estas fatala por morale pura disvolviĝo de la seksvivo de junaj personoj, tiam oni ankaŭ ne maltrotaksu alian malamikon esence parencan al ĝi kaj fine sammaniere efikantan malamikon, kiu nuntempe en ĉiuj kulturlandoj iĝas kreskanta danĝero nome la nikotinon, aŭ pli precize: la cigaredon.

Alkoholo kaj nikotino efektive estas similajoj, kiuj pro sia esenca parenceco kiel narkotaj venenoj kunagas en sama direkto, same kiel ankaŭ la profesiaj vendistoj sin sentas reciproke laŭnature samliganoj, ĉiam pretaj subteni unu la alian, ĉar ili tre bone scias ke la konsumado de unu el la du venenoj ankaŭ favoras la konsumadon de la alia. Tio precipe valoras por la juna aĝo. Ĝis nun la pedagogiaj kaj medicinaj rondoj ankoraŭ tute ne ĝenerale rekonis la danĝeron, kiu minacas precipe la seksan purecon de la junularo venantan de la cigaredo ne malpli ol de la alkoholo.

Ne nur inter la alkoholkonsumo, sed ankaŭ inter la nikotinkonsumo kaj la seksa frumatureco de la junularo estas duobla interrilato, tiel psikologia kiel ankaŭ fiziologia, kaj la eduka praktiko devas kalkuli kun ĝi multe plimulte ol okazis ĝis nun.

Se ni imagas al ni la animstaton de la juna cigaredfumanto, tiam tiu stato estas neneigeble paralela al tiu de la juna alkoholtrinkanto — pro sia kutimo li venas sur la klina ebeno de la fanfaronado. Estas vere, ke li konscias ankoraŭ ne esti plenkreskinta, sed pro la narkota efiko de la nikotino li tro baldaŭ trompkredas jam esti granda homo; li rigardas la cigaredon, kiun li vidas tiel ofte en la buŝo de viroj, kiel simbolon de vireco, kaj nun li kredas, farante la samon, mem atingi tiun nivelon.

Oni nur atentu kiel gravmaniere la duonplenkreskulo manumas la cigaredon en kuneco kun knabinoj, kun kia vanta memkontenteco li klopodas realigi sian neĝustan idealon de vireco, mokinde elblovante la fumon aŭ forfrapetante la cindron. Vere tio estas ridinda sed tamen tute ne sen malutilo. Ĉar la plenaĝa cigaredfumanto same kiel lia neplenaĝa alkoholtrinkanta kamarado, ofte ne nur opinias sin platone plenaĝa viro, sed li provas esti tia laŭ sia maniero, kaj frumatura konduti kiel tia.

Tiel li nenature frue atingas tute sin senigi de infaneco, naiveco kaj pureco, kaj iom post iom pro tia inklineco bedaŭrinde kuraĝiĝas voli ankaŭ konduti sekse antaŭtempe kiel viro.

Ho ve, tro ofte li fi-interrilatas kun malĉastulinoj ĉe kiuj la' cigaredo kiel narkotaĵo ankaŭ estas altfavorata. Tio memkompreneble signifas grandan malutilon por la saneco kaj la morala kaj spirita disvolviĝo de la juna homo. Ĉar ankaŭ lia volforteco kaj lia kapablo de kontraŭstaro kontraŭ la delogo estas subfosataj malrapide sed certe pro la nikotinkonsumado kaj tiom pli multe, se la cigaredtabako, kiel ofte estas la okazo, estas trempita per opio, kio ankaŭ estas narkota veneno.

La Amerika aŭtomobil-fabrikanto Henry Ford estis tute prava, donante al sia multvalora broŝureto pri la cigaredo jenan titolon: „La malgranda blanka sklavposedanto" (The little White Slaver). Ĉar efektive la junaj cigaredfumantoj havas tre grandan ŝancon iom post iom en morala rilato iĝi en stato de sklaveco de tiu ĝuilo, ĉar ilia volo al la bono pli kaj pli estas enkatenigata. Tute la sama efiko kiel de la alkoholo.

Sed al tio aldoniĝas ankoraŭ io alia. La cigaredfumado de la junuloj ankaŭ malbonigas la karakteron ĝenerale; ĝi subtenas ilian inklinon al egoismo kaj indiferenteco por la interesoj de aliaj; ĝi igas ilin meti la ĝudeziron super ĉiuj aliaj konsideroj kaj ne zorgi pri la limoj starigitaj de la bonmoroj. Ĉe la infantribunaloj en Nord-Ameriko, kie oni trovas ĉe la junaj krimuloj pli ol 90% da cigaredfumantoj, oni ofte observis ke tiuj ĉi pro la efiko de la veneno tute finperdas la konscion pri justo kaj maljusto. Kion tio signifas, ĝuste dum la jaroj de la puberteco, oni povas facile kompreni.

Flanke de tiu ĉi psikologia kunrilateco oni tamen ne preterrigardu la fiziologian. En Germanujo la Mannheima urba lernej-medicinisto D-ro Stephani atentigis ke la nikotino ekscitas la seksnervojn kaj pro tio favoras la frumaturecon ankoraŭ kiel la alkoholo. Seksa frumatureco tamen estas ĝuste tio kion laŭ la unuvoĉa opinio de la seksaj pedagogoj oni devas kontraŭbatali kun speciala zorgo, ĉar ĝi grave malutilas la fizikan disvolviĝon kaj malhelpas la disvolv-

iĝon de la animo kaj ties pliriĉiĝon. Seksa frumatureco kondukas al tro fruaj seksfaroj kaj pro tio povas haviĝi seksmalsanojn, kiuj proporcie faras siajn plej multajn viktimojn inter la junularo.

Plue la tabakfumado treege ofte kondukas al trinkado de alkoholaĵoj pro la sento de sekeco en la buŝo kaj la soifo kiujn ĝi kaŭzas. Ankaŭ la trinkado plifortigas la tromppenson pri vireco kaj la fatalajn sekvojn de frumatureco.

La ŝirmado de la junularo kontraŭ la nikotindanĝere estas unuarange la tasko en la lernejo. En ĝi oni devas informi pri la danĝeroj ne sole la knabojn sed ankaŭ la knabinojn, ĉar ankaŭ inter la knabinoj la fumado disvastiĝas, pro kio la danĝero de degenero de la raso estas duobligita. En la Unuigitaj Ŝtatoj la instruo tiel pri la nikotindanĝero kiel pri la alkoholdanĝero estas enkondukita en la lernejo jam antaŭ homa vivdaŭro; de tiu ekzemplo Eŭropo multe povas lerni.

Sed la instruo en la lernejo nur povas esti plenefika se la instruistoj kaj docentoj donas la bonan ekzemplon, kaj tio ĝis nun lasis nur tro multe dezirinda.

Ĉe la nuntempaj kondiĉoj oni ne tutprave povas postuli ke ĉiu instruisto sindetenu de la fumado. En Ameriko inspektoro de la instruo, Prof. Arville de Weese, en Harrisoncounty, Indiana, oficiale postulis tion de la instruistoj en sia distrikto, kaj tion motivis jene: ke la bonfarto de la junularo pri kiu la instruistoj estas respondaj, estu rigardata pli altvalora ol la persona libereco de la instruistoj, se tiu ĉi estas malbonuzata je malutilo de la junularo.

En Eŭropo tamen tia postulo estas nepensebla. Sed oni tie ĉi povus severe tenadi la malpermeson, ke la instruistoj fumas en la areo de la lernejo kaj en nenia okazo oni povus suferi ĝion en la lernejaj ĉambregoj; tial ĉar ĝi estas tiel malbona ekzemplo, kiu tiel baldaŭ kaj volonte estas imitata de la junularo.

Paroladoj kaj admonoj de la instruisto solaj nenion efikas, se li ne donas la bonan ekzemplon. Por tio la instruistoj-abstinenculoj estas la plej taŭgaj personoj.

Trad. D. R. Felix Ortt.

---

**Kontraŭ la pornografio per vorto kaj bildo.**

Esprimoj de supera, malsupera kaj kvazaŭa arto, kun la intencita aŭ ne intencita sekvo, ke la voluptodeziroj estas ekscitataj, la delogo malfacile kontraŭstarata kaj la pasioj kaj deziroj akiras superregon super la Spirito — aŭ ankaŭ ke gusto kaj inklinoj iom post iom pli kaj pli banaliĝas, ordinariĝas kaj malnobliĝas: ĉio ĉi tio evidente estas tute kontraŭ al nia celado.

Tiu ĉi danĝero estas tiom pli granda, ĉar kelkaj, kiuj tro multe estas rigardataj kiel aŭtoritatoj, defendas la rajton de l'Arto al senlima libereco, eĉ al senbrideco. La granda publiko, volonte ĝuante la ekscitiĝon de 'l sentoj, aplaŭdas, kiam oni ridindigas kaj mokas la de ni esprimitajn moralajn plendojn kontraŭ la filibermoreco de 'l arto. Pro tio tiu granda kvanto da ekscitaj, malbonigaj, malĉastaj, sekse malmoralaj romanoj, teatraĵoj, bildoj, bioskopaj prezentaĵoj, ilustritaj kartoj, kantetoj ktp., ktp. Kontraŭ tio nia Movado per ĉia forto devas protesti; ĝi devas klare proklami kaj komprenigi al la homoj, ke nek arto nek scienco — jam ne parolante pri ĉia malpuraĵo, malprave rigardata kiel arto, kaj pri ĉia kontentigo de scivoleco, malprave rigardata kiel scienco — havas sian celon en si mem, sed ke ambaŭ nur estas ekzistrajtaj tiom, kiom ili celas la spiritan plinobligon de la Homo.

---

## PACIFISMO.

Por prepari la Internacian Konferencon por Paco (de la 7a—9a de Dec.) la komitato organizis multajn legadojn en diversaj rondoj.

La komitato komisiis S-inon Isbrücker aranĝi propagandan vesperon por la Esperantistoj, kiu okazis la 18an de Nov.

Post malferma dankvorto de S.ino Isbr. parolis S.ino Wichers pri la celo de la konferenco. La intenco estis, ke la konferenco kune kun la Intern. Kongreso por Fak-unuiĝoj (10—15 Dec., Hago) alprenos rezoluciojn, inter kiuj la ĉefaj estas: la postulo de internacia senarmiĝo kaj la starigo de vera ligo de Nacioj por akiri novan pacon. Tiuj rezolucioj estos prezentataj al ĉiuj registaroj.

S.ino Isbr. entuziasme parolis pri la rilato inter la Esperanto-movado kaj la Pac-movado. Ŝi i. a. diris, ke la milito en ĉiu formo estas krimo kontraŭ la homaro, ke ĉiuj havas la devon kredi kaj fidi je daŭra paco, kaj ke la esperantistoj precipe devas kunlabori al tio, ĉar la nura penso de 'l genia kreinto de Esperanto, D-ro Zamenhof, estis tiu pri interfratiĝo de la diversaj popoloj.

Esperanto estas necesa ilo por akceli la pacon, kaj estas honto ke homoj kiel Orlando kaj Wilson ne povis kompreni unu la alian en Versailles. Ŝi finis dirante, ke post spirita unueco la unua postulo estas lingva unueco.

S-ro de Klerk parolis en la nomo de la Esperantistaj laboristoj. Li diris, ke la laboristoj multe povas fari por la paco, ĉar oni bezonas ilin dum militaj tempoj en la fabrikoj. Se ili ne laborus por milito, la paco estus certigata. Li varme rekomendis Esperanton kiel nuran internacian komprenilon por la laboristoj. —

La bone konata kantisto S-ro Brederode plibeligis la vesperon aŭdigante kelkajn belajn kantojn, ankaŭ en Esperanta lingvo.

S.ino Isbr. ensendis rezolucion favore al Esperanto al la internacia virina konferenco (7—9 Dec.) kaj al la Pac-kongreso de laboristoj (10—15 Dec.)

En alia kunveno antaŭ la nomitaj konferencanoj la 27an de Nov. eksgeneralo Koolemans Beynen el Hago paroladis pri senarmigo. La milito estas abomenaĵo li diris. Se oni volas esti liberigata de tiu abomenaĵo, oni devas forigi la armeojn. Li bone argumentis la eblecon de tio. Nun la tempo estas matura. La ligo de nacioj jam solvis diversajn disputojn. Subtenante tiun ligon, oni kunlaboras al la bono de la homaro. C. J. R.-D.

---

**Kongreso de Kristana Internacio.**

7.—12. aŭgusto 1922a.

(El letero de kongresano N. S.)

La kongreso okazis en Malsupra Aŭstrujo sur alta monto Sonntagsberg en trietaĝa hotelo, kie kutime ripozas dum somero studentoj. Kunvenis 160 pers. La akcepto estis tre simpla: la necesajn servojn plenumis libervoluloj, dum la manĝoj oni altabliĝis laŭplaĉe, senceremonie.

La ĉefan intereson de la kongreso prezentis persona interkomunikiĝo kun multaj interesaj homoj. Ĉi

tie ni renkontis: la konatan D-ron Hodgkin, unu el la pioniroj de la Brita Interpaciĝo, loĝinta du lastajn jarojn en Finlando; laboriston rifuzintan militservi kaj konatiĝintan pro tio kun 7 malliberejoj dum 2½ jaroj; italan profes. Puglesi, unu el la fondintoj de S-to, disvastiganta en Itallando ideojn de interpaciĝo inter laboristoj kaj entreprenantoj; junan bulgaron—tolstojanon—Todorov, redaktoron de Vegetara Revuo kaj reprezentanton de Koopera S-to en Sofio; junan amerikanon, flaman adepton de Francisko el Assisi, komencintan per rezigno je sia havaĵo kaj alvenintan ĉi tien kun siaj amikoj; altspiritan nederlandaninon, kiu nekonata dediĉas sian vivon al la servado al proksimuloj, junan hindon, juriston, entuziasman adoranton de Ghandi kaj de lia movado; D-ron Rutili, estintan katolikan pastron—nun laboristan deputiton en Itallando—entuziasman revoluciulon-kontraŭperfortulon; estintan hungaran bienhavantinon, proponintan teron por kolonio „Nova Vivo“; redaktoron de unu el la plej bonaj ĵurnaloj kun spirituale-kristana direkto; kelkajn eldonistojn de similaj ĵurnaloj en Anglo-, Dan- kaj Norveglando; P-ron Boeck, prezidanton de Viena Interpaciĝa Ligo kaj Ligo de Sobruloj, konatan italan pacifiston, instruiston Ceresole, kelkfoje malliberigitan pro la rifuzo pagi militimposton; D-ron Metzger, fondinton de du Kristanaj komunumoj en Graz el 8 viroj kaj 20 virinoj; D-ron Stackelberg, konantan multajn lingvojn kaj akirintan grandajn spertojn en la misio de Nansen en Ruslando—kaj multajn aliajn.

La partoprenantoj renkontiĝadis, legis la nomojn de renkontinto kaj post kelkaj minutoj interparolis kiel malnovaj amikoj. Kelkaj ĝoje konatiĝis kun tiuj, kiujn ili antaŭe konis laŭ literaturaĵoj aŭ korespondado. Oni grupiĝis por vigle pridiskuti diversajn temojn. Nia grupo interesiĝis pri komunumoj, ĉefe en Ruslando. Unu el la partoprenintoj rakontis multon el siaj spertoj kaj interalie pri kolonio en Germanlando, kies membroj ne deziris alpreni oferitan monon kaj pro tio perdis parton da kamaradoj.

La sekvantan tagon komenciĝis la konferenco en jena ordo: 1-a tago: fundamentaj ideoj de la movado; 2-a tago: regno kaj individuo; 3-a tago: rasa problemo; 4-a tago: nia speciala praktika tasko.

La partoprenantoj dividiĝis je grupoj: 1. Rilato al la ekzistantaj konfesoj. 2. Edukado kaj internacia organizo. 3. Rilato al la preso. 4. Proprecrajto, komunumoj kaj kolonioj. 5. Industrio kaj rilato inter laboristoj kaj entreprenantoj.

Poste sekvis prelegoj: tiuj de la germanoj estis parte tro longaj, la angloj parolis multe pli koncize kaj konklude prezentis praktikajn proponojn, la francoj pritraktis ĉefe materiajn demandojn, la italoj tuŝis religiajn bazojn. Finna pastro Wegelius, finante sian prelegon flame ekparolis: „Ni parolas pri la proksimiĝo de Lia regno. Sed vidu — Kristo staras inter ni kaj atendas niajn agojn. Ni devas agi, aliokaze Li forlasos nin! . . . .“

Sed la ĉefa intereso konsistis ne en komunaj kunvenoj, sed en profundaj paroloj kaj en intima amika interkomunikado en malgrandaj intimaj rondetoj. Ni aliĝis al la 4-a grupo por komunumoj kaj vive pridiskutis la interesantajn nin demandojn. La demando pri proprecrajto elvokis komence dividiĝon, sed baldaŭ ni komprenis, ke ni iras laŭ malsamaj vojoj al la sama celo.

Hindo Mukerji parolis pri la sukceso de la Ghandimovado en Hinlando. La junularo entuziasme iras malliberejojn pro la alta ideo pri „rezigno je perforto“. Ghandi konsideras sin kulpa pro ĉiuj malpravaj agoj de siaj adeptoj kaj prenas ilin je sia respondeco. La movado ne estas venkebla. La nekredantoj ne vidas tion, tamen ĝi estas vero.

Dum unu vespero oni tiel longe prelegis, ke ĉiuj laciĝis kaj decidis la sekvantan tagon dediĉi al silentado kaj preĝado. Min silenta preĝo de 150 homoj pleje impresis el ĉio okazinta dum la kongreso. Ĝenerale mi povas diri, ke dum mia vivo malofte mi havis okazon dum mallonga tempo travivi tiom multe kaj ekscii tiom da novaĵoj.

La adiaŭo estis plej kora. Multaj havis larmojn en la okuloj. Ni ĉiuj iĝis tre proksimaj unu al la aliaj kaj sentis, ke la kongreso iĝis fundamento por solida unuiĝo kaj komuna laboro.

La sekvanta kongreso estas projektata en Danlando en 1923.

---

**Monda Palaco — Internacia Centro**

fondita en 1920 tuj post la fino de la mondmilito, ĝi estas destinita al la intelekto kaj laboro de la homaro tra jarcentoj, kiel centro de internaciaj asocioj, sidejo de ilia universitato, muzeo, biblioteko, bibliografia instituto kaj iliaj institucioj. Ĝi celas akceli reciprokan interkonatiĝon de la popoloj, evidentigante, kiom ĉiu el ili kunlaboris aŭ profitis la ĝeneralan civilizecon. Oni esperas, ke tiuvoje en ĉiuj naskiĝos la ideo, ke povas aperi nova mondo, kiel sekvo de la potenca ekskuo, kiu detruis la hieraŭon, ke tiu nova mondo estos bonfara resumo de la intelekto de ĉiuj nacioj, kiuj ĝin kreos.

La tasko, kiun prenis je si La Monda Palaco, estas konsiderata kiel prepara. Ĝia malvolviĝo povas rezulti nur de daŭra koopera laboro. La konstruaĵo de la Monda Palaco disponigis siajn ejojn al la okupintaj ĝin fakoj nur provizore. Oni projektas konsideri tiun palacon kiel centron de konstanta Internacia Konstruaĵaro, konstruota por la universala ekspozicio en 1930, laŭ plano adaptita al la daŭraj bezonoj de la Internacia Centro. Nuntempe la Monda Palaco enhavas jenajn instituciojn:

**I. Internacia Muzeo,** fondita en 1910, prezentanta konstantan ekspozicion de ĉio konata el la kvin mondpartoj (16000 dokumentoj; vizitebla de ĉiu, eldonanta kopiojn laŭpete).

**II. Internacia dokumentaro.**

a) Internacia Bibliografia Instituto, fondita en 1895, 12 000 000 slipoj (eldonas laŭpostule kopiojn).

b) Internacia Biblioteko, fondita en 1907, 120 000 volumoj.

c) Enciklopedio dokumentara, fondita en 1907, 1000 paperujoj, enhavantaj ĉirkaŭ 1 000 000 da dokumentoj.

**III. Internacia Universitato,** fondita en 1920 — celas unuigi universitatojn en altkulturan movadon; kunigi dum periodaj kunvenoj ĉiujaraj (20 aŭg. — 30 sept.) iliajn profesorojn kaj studentojn; organizi universitatajn rondvojaĝojn. Aliĝis 16 universitatoj kaj 347 profesoroj el 22 landoj. Estis sub la aŭspicioj de la Ligo de Nacioj.

**IV. Unuiĝo de Internaciaj Asocioj** celas unuigi internaciajn asociojn al opa translima kunlaborado. Aliĝis 230 asocioj.

**V. Internacia dusemajno,** okazanta ĉiujare 20 Aŭg. — 3 Sept. Prezentas aron da kunvenoj kaj manifestadoj internaciaj: Kunsido de la Internacia Universitato, Kongresoj, Konferencoj, Kunsidoj de la Komitato kaj Komisionoj, speciale dediĉitaj tagoj kaj semajnoj. Okazis kunvenoj en 1920, 1921, 1922.

La nomitaj institucioj okupas en la Monda Palaco 99 salonojn.

Adreso: Bruxelles, Palais Mondial, Parc Cinquantenaire, Belgique.

---

**Mondmastrumajo.**

La perfektigo de tekniko, komunikiloj, internaciaj rilatoj forviŝas landlimojn kaj kunigas la mastrumaĵojn de disaj regnoj en unu nedisigeblan tutaĵon.

Post la mondmilito tio iĝas speciale rimarkebla: la ruiniĝo de kelkaj landoj, ĥaoso en la moncirkulado kaj senorda, nur parta funkciado de la mondmastrumajo igas la vivon tiom malfacila, ke eĉ la venkintoj ĉiam pli klare konstatas la neeviteblon nuligi la ŝuldojn, rekonstrui la ruinitajn landojn kaj rezigni je la ĝisnuna internacia politiko kun ĝia ĝenerala disigiteco, doganbatalo, militoj k. c.

Nova tempo, novaj kondiĉoj postulas novan vastampleksan politikon, neŝanceleble baziĝantan sur la eternaj leĝoj de justeco kaj naturrajtoj.

Por transiri al tia politiko unue progresemaj, plue ĉiuj ceteraj landoj devas starigi koalicion, kies esencaj tezoj estas esprimeblaj jene:

1. La civitanoj de la koaliciintaj regnoj povas libere loĝi tra la tuta teritorio de la koalicio kaj ĉie ĝuas egalajn rajtojn.

2. Ĉiuj, posedanta kiun ajn terpecon, povas libere disponi je ĝi, sed devas pagi por ĝi plenan renton.

3. La rento, kreata de kultura evoluo de la lando, estas uzata por ĝiaj regnaj elspezoj; la rento por grandaj masiĝoj de naturriĉaĵoj (karbo, nafto, metaloj k. s.) estas parte disponigata al la monda centro por la bezonoj de mondkulturo, parte distribuiĝas inter la koaliciaj landoj proporcie al ilia loĝantaro.

4. Ĉiuj impostoj kaj devigaj servoj estas nuligataj. Ĉiuj civitanoj sur la tuta koalicia teritorio povas libere instali ĉiajn, ne malutilajn al la komuna bono, produktejojn kaj negocejojn ĉu dise, ĉu unuiĝante en societojn kaj komunumojn.

5. La monopolkarakteraj entreprenoj estas laŭeble funkciigataj de la regnoj, aŭ sub ilia kontrolo.

**Ĉi tiu simpla kaj facile efektivigebla reformo profunde transformos la tutan vivon:**

1. La ĉefa riĉaĵfonto — la tero — iĝos komuna propraĵo. Tiu ĉi grandega paŝo al egaleco ne komplikigos la organizon de ĉiu el la koaliciaj regnoj, sed kontraŭe ekstreme simpligos kaj malkarigos ĝin.

2.La terpropuloj trans formiĝos en ĉiamajn farmantojn, sed ili ĝuos posedrajton pli libere kaj pli daŭre, ol la nunaj propruloj.

La tero perdos vendvaloron kaj ĉia spekulado je ĝi ĉesiĝos. Ĝi estos disponigebla al ĉiuj dezirantoj kaj baldaŭ transiros de la uzurpuloj al la laboremuloj.

3. La pagado de rento instigos ĉiujn malgrandigi siajn terareojn kaj intensigi ilian prikulturadon. El tio rezultos plej bona distribuiĝo kaj ekspluatado de la tero. —

4. La liberigo de la tero kaj nuligo de ĉiuj impostoj, malpermesoj kaj devigaj servoj malfermos vastan agadkampon al diversflanka entreprenemo, malkarigos la vivon kaj pligrandigos la postulon je laboro kaj ĝian pagon.

La regnon de monopoldevena kapitalo anstataŭos regno de komuna labordevena bonstato: la liberigita laboro ricevos plenan rekompencon, la kapitalo — minimuman procenton, kaj la tuta socio — grandegan renton, kreskantan kune kun la loĝantaro kaj ĝia kulturo.

Provoj anstataŭi impostojn per rento estas farataj en multaj landoj, sed sen sufiĉa decidemo.

Ruslando, kies tero estas jam naciigita, povus decide surpaŝi sur vojon de tiu universala politiko, montrante al ĉiuj la solan eblan eliron el la nuna monda impliko.

Venejano.

---

**Pri la projekto de Terkodo, prezentita al la Konsilo de Naciaj Komisarioj kaj al la Tutruslanda. Centra Plenuma Komitato en Oktobro 1922a.**

1. Plej grava akiro de la rusa revolucio estas naciigo de la tero kaj de la ĉefaj monopolkarakteraj entreprenoj.

2. Por ke la tuta tero iĝu propraĵo de la regno, tiu ĉi lasta devas disponi je la tuta terrento ĉar tio nome prezentas la esencon de tiu propraĵo.

Rimarko: La Komunista manifesto de Marx, citante la ĉefajn farotaĵojn, post kiam la proletariaro estos ekposedinta la povon, nomas unuavice: „eksproprriigon de terposedaĵoj kaj uzon de la terrento por la regnaj elspezoj."

La samon proklamas la fundamenta leĝo pri socialigo de la tero en Rusa Socialista Federacia Sovjeta Respubliko 1918 § 17: „La superenspezo, devenanta de la natura fruktoporteco de la pli bonaj terpaceloj kaj de ilia pli favora koncerne la vendmerkato situo transiras al la organoj de la Sovjeta Registaro por sociaj bezonoj."

3. En regno, ekposedinta proprecrajton je sia tuta tero, la terkodo havas solan taskon fiski la konsekvencojn de tiu proprecrajto — de la rentimpostumado. Pro tio koncerna terkodo ne povas esti ellaborata sendepende de la terimpostumado, sed devas rezulti el ĝi.

4. La deviga nuntempe en Ruslando sola naturimposto prezentas laŭ sia esenco rentokonfiskadon, kvankam sub formo tre neperfekta. Por finefektivigi kaj firmigi la ternaciigon restas sole malvolvi la naturimposton ĝis ĝia logika kompleteco — la konfisko de plena rento por la bezonoj de la regno, sed estu konfiskata nepre la rento de la tuta, ne nur de la agrikultura tero.

5. La renton kreas ne individuaj penadoj, sed la kultureco, evoluado kaj kooperado de la tuta popolo, pro tio ĝi prezentas ĝian nekontesteblan apartenaĵon.

6. Plena rentokonfiskado nuligas la vendvaloron de la tero kaj malebligas ĉian terspekuladon. Ĉiuj do leĝoj, direktataj kontraŭ vendado, farmado kaj redistribuado de tero, kontraŭ etigado te terpaceloj, apliko de dungolaboro — iĝas ne nur superfluaj, sed malutilaj, enkondukante senbezone arbitrecon inter pure ekonomiajn rilatojn.

7. Senigita je rento, tero konservas nur ekspluatvaloron, pro tio ĝi rapide kaj aŭtomate transiros al la laborantoj kaj distribuiĝos inter ili laŭ ĉies fortoj kaj kapabloj tiel regule, kiel tio estas atingebla per neniaj leĝaj normoj. En tiuj kondiĉoj egala laboro estos

egale rekompencata sur tero, kies kvalito kaj situo estas plej varia.

8. Ĉiuj impostoj (rektaj kaj malrektaj) krom la rentimposto, estas neeviteble transmetataj sur la laborantojn, ili efikas kvazaŭ puno kontraŭ laboremo kaj ŝparemo, kaŭzas maljustaĵojn, haltigas la malvolviĝon de kreaj, produktaj fortoj kaj pro tio estas nuligendaj.

9. La rentimposto por la tuta tero (agrikultura, urba, industria, mineja) abunde anstataŭos ĉiujn aliajn impostojn. Se tamen, malgraŭ ĉiuj supozoj, la rento ne sufiĉus por la regnaj elspezoj, la mankanta sumo povus esti kompletigata per la enspezoj el la monopolkarakteraj entrepenoj (nafto, minaĵoj, arbaroj, transportiloj, poŝto k. a.), eĉ ekstremokaze per impostumado de heredaĵoj.

10. Resume:

a) La sola naturimposto estas anstataŭenda per la rento.

b) Ĉiuj ceteraj impostoj estas nuligendaj.

c) La nova Terkodo estas konsiderenda nur kiel konsekvenca malvolvo de la fundamenta leĝo pri la naciigo de la tero kaj ĝia impostumado, sed neniel sendepende de tiu lasta. Venejano.

---

**El Esperantujo.**

La Sennacieca Asocio Tutmonda (S. A. T.), kiu tute konsekvence kaj laŭdinde celas sennaciecan tuthomaranismon, akceptis dum sia kongreso en Frankfurto apud Majno (12.–16. Aŭgusto 1922) interalie regulon, laŭ kiu ĉiu S. A. T.-ano ne rajtas esti samtempe membro de iu burĝa kaj tielnomata neŭtrala Esperanto-organizo, nek de iu kontraŭlaborista organizaĵo, escepte en urbo, kie ne ekzistas ankoraŭ proletaria Esperantista grupo kaj escepte en okazo, kiam la kunlaborado povos doni profiton al la afero de S. A. T. Ĉiuokaze li ne rajtas plenumi aktivan oficon en iu ajn burĝa organizaĵo.

Romain Rolland, kiu tiom aplaŭde skribis al la kongreso de la Sennacieca Asocio Tutmonda, post informiĝo pri tiu ĉi decido de la kongreso skribis sub dato de la 9a de septembro 1922a jenan leteron al la redaktanto de Sennacieca Revuo:

Mia kara Lanty:

Mi legas en „L' Humanité" de la 7. 9. 22 sub „malgranda kroniko" la absurdan artikolon 3an de la statuto, kiu estis balote akceptata la 14an de aŭgusto ĉe la Frankfurta kongreso. Ĉar vi metis sub mia nomo tiun decidon, kiun mi juĝas same netolerebla, kiel kontraŭa al la simpla saĝo, vi devigas min, publike malsolidariĝi de ĝi.

Vi bone scias, ke mi ne konsentas pri iu ajn „malpermeso", ke mi kontraŭstaras ĉiun diktatorecon de partio aŭ de sekto kaj ke mi ne pruntas al vi mian nomon, por partopreni en tia evidentega atenco kontraŭ la libereco.

Plie, tia malpermeso pruvas, ke la revoluciaj Esperantistoj tute ne konscias pri la grandeco de Esperanto. Esperanto estas, per si mem, revolucio multe pli efika ol ĉiuj tielnomataj revoluciaj kongresoj; ĉar ĝi kreas, ĝin esprimante, pensmanieron internacian, „sennaciece tutmondan". La unua devo de ĉiu revoluciano devus esti propagandi Esperanton en ĉiuj klasoj, inokuli ĝin al tiu burĝaro, kiun oni volas konverti. Pretendi malvastigi Esperanton je revolucia grupo, estas perfidi Esperanton, kaj ne estas inde je ĝi.

Mi bedaŭras, esti devigata disiĝi je via grupo. Vi mortigas vian aferon. La mallarĝspiriteco de la revoluciaj partioj estas certe mortiga, sed por ili mem, ne por iliaj malamikoj.

Tutkore via Romain Rolland.

Ni salutas la opiniesprimon de la granda verkisto kiel ĝojigan admonon al larĝhorizonteco. Efektive, ĉu estas necese, por forigi la malbenindan apartecon kreitan de tradicio kaj subtenatan de abomena sociekonomia strukturo, krei anstataŭe novan artifikan apartecon, malhelpante tiamaniere, ke bona volo kunligiĝu kun bona volo? Ĉu la proletarieco estas io karakteriza, por disigi per tia karakterizo unu parton de la homaro for de la alia?

Ni salutas ĉiun ribelemon; ĉar, kiel iufoje diris jam Bernard Shaw (socialisto kaj vegetarano): Ĉiu homo, kiu atingintc la aĝon de tridek jaroj kaj iom konante la socian strukturon, ne fariĝis ribelanto, estas morale difekta.

Ankaŭ la vegetarismo kune kun ĉiuj parencaj ideoj (pacifismo, terismo, socialismo) estas ĉiama ribelo. Ĝi estas eĉ la plej energia ribelo; ĉar ĝi trovas sian esprimon en la ĉiutagaj funkcioj; sed mi supozas, ke ni vegetaranoj farus grandan eraron, se ni laŭ ekzemplo de la S. A. T.-statuto severe apartiĝus de ĉiuj kadavromanĝantoj kaj alkoholtrinkantoj. Kontraŭe, ni devas esti la salo, kiu penetras la tutan kaĉon kaj ŝanĝas ĝian guston.

La trezoro de la homa kulturo ne estas propraĵo de unu aparta kasto aŭ samideanaro, kaj ĝuste Esperanto ebligas al ni, trovi ĉie en la mondo kaj en ĉiuj medioj la animajn parencojn, kiuj subtenas la sanktan fajron de homa kulturo. Ni scias, ke la kondiĉoj, en kiuj ĉiu homo vivas, ne estas ĉiam de li mem kaŭzitaj nek povas ĉiam esti ŝanĝataj laŭ individua volo. Ni povas nur veki kaj voki, kaj tion ni faras plej efike per nia ekzemplo.

Fine ni konsciu, ke Esperanto, vegetarismo, socialismo, liberecelado k. t. p. estas nur vojoj al homeco pli intensa, pli bona, pli bela. Kia estos la homo libera je la balasto de nia nuna socia kaj individua vivo, tion ni ne scias, nek povas imagi. Sed ĉiu forto, kiu helpas en iu ajn loko forigi la balaston, por plirapidigi la flugadon al la lumo, estas bonvena por ni, kondiĉe ke la volo estu pura.

---

**La Vakcinado.**

Laŭ la oficiala statistiko en Anglujo la revuo „Vaccination Inquirer" (Esploranto pri Vakcinado) de junio 1921a publikigis, ke jena nombro da infanoj sub kvin jaroj mortis en jenaj jaroj:

| | Pro variolo: | Pro la vakcino aŭ pro komplikaĵoj rezultintaj el ĝi: |
|---|---|---|
| 1908 | 1 | 13 |
| 1909 | 1 | 11 |
| 1910 | 2 | 8 |
| 1911 | 5 | 15 |
| 1912 | 2 | 9 |
| 1913 | 1 | 7 |
| 1914 | 1 | 5 |
| 1915 | 2 | 7 |

| | | |
|---|---|---|
| 1916 | 3 | 2 |
| 1917 | 0 | 6 |
| 1918 | 0 | 3 |
| 1919 | 2 | 6 |
| 1920 | 5 | 19 |
| entute | 25 | 111 |

El Brazilo (adreso 26 Rua Paraguai, Rio de Janeiro) la redaktejo ricevis poŝtkarton kun fotografaĵo de knabino mortinta pro la vakcino kaj kun sentencoj kontraŭ la vakcinado, krome kun la ĉi-supra statistiko, kiu ne bezonas komentarion!

### Esperantaj Revuoj.

**Germana Esperantisto,** monata gazeto por la disvastigo de Esperanto en Esperanta kaj germana lingvoj, kaj:

**Esperanto-Praktiko,** monata gazeto en Esperanto por ekzercado, perfektiĝado lingva kaj informiĝo, ŝanĝis sian adreson, kiu estas nun: Ellersiek & Borel, G. m. b. H., Berlino S. W. 61, Wilmsstr. 5, Germanujo.

**Novaj Tempoj,** monata revuo de popoledukado, eldonanto: Habert, 23bis, rue Morère, Parizo 14, Francujo. Tiu ĉi bona revuo celas fariĝi komuna organo pri universala popoledukado, efektiva pacifismo kaj etiko tutmonda per kuniĝo de homaridealaj fortoj. Jarabono 4 svisaj frankoj.

**Por la Indiĝenoj,** dumonata Esperanta bulteno de la Internacia Oficejo por Protektado de la Indiĝenoj (kolorrasoj), 30 rue Verdaine, Ĝenevo, Svisujo. Jare 1 sv. fr. La citita organizo celas disvastigi la ideon pri la respondeco de civilizitaj gentoj kontraŭ malpli kleraj kaj kunordigi la agadon de la diversaj naciaj ligoj fonditaj por batali kontraŭ kaŝitaj formoj de sklaveco truditaj al kolorhaŭtuloj. La unua internacia bulteno de tiu ĉi organizo nun aperis en Esperanto.

**La Juna Lernanto,** aldono de la brita nacia Esperanta revuo „The British Esperantist". Apartaj abonoj 1 ŝil. jare, adreso Brita Esperanta Asocio, 17 Hart Street, Londono W. C. 1, Anglujo. Ŝajnas, ke tiu ĉi bona folieto jam iom korespondas al la deziro de tiu, kiu en „Esperanto Triumfonta" Nr. 120 proponas gazeton por infanoj.

**La Interligilo de l'P. T. T.** (poŝtitoj, telegrafistoj, telefonistoj), monata organo en Esperanto. Adr. Petro Filliâtre. 54 rue Custine, Parizo 18, Francujo.

**Literatura Mondo,** monata ilustrita revuo sur bela papero, tute en Esperanto; jarabono 10 svisaj fr. Adreso: Budapeŝto VI, Andrássy-út 81, Hungarujo. Apoginda nova entrepreno, al kiu plena sukceso estas dezirinda. La recenzanto ŝatus, ke oni evitu la impreson, kvazaŭ moderna arto estas nur erotika, sangsimila kreskaĵo.

**Pola Esperantisto,** monata gazeto de polaj Esperantistoj, en pola kaj Esperanta lingvoj; adreso Stanisław Karolczyk, Varsovio, str. Królewska 19, Polujo. Jarabono 6 sv. fr.

**Skandinava Esperantisto:** Preskaŭ ĉiu numero de tiu ĉi revuo, eldonata de vegetarano, nia nacia sekretario (vidu titolpaĝon), enhavas ion pri nutradreformo.

**Dia Regno,** oficiala organo de la Kristana Esperantista Ligo, redaktanto Paul Hübner, Bergstr. 1a, Quedlinburg, Germanujo. Abono proksimume 1 svisa franko, por malbonvalutanoj laŭpove.

**La Esperanto-Kolektanto,** por la kolektantoj de ĉiuspecaj Esperantaĵoj. Adr. Josefo Kocoŭrek, Vieno, Arthaberplatz 3, Aŭstrujo. Dumonata, jarabono 1 svisa franko, por valutmizeruloj favora prezo.

**Belga Esperantisto,** monata oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista, redaktanto Frans Schoofs, Kleine Beerstraat 45, Antverpeno. Abono belg. fr. 10 jare. Ĉefe en Esperanta lingvo, krome en franca kaj flandra. —

**La Verserĉanto,** organo de la vegetarana gejunula koresponda societo „La Gefratbando"; eldonanto Ante L:son Antee, Sysslebäck, Svedujo. En Esperanta kaj sveda lingvoj. Ŝajnas al la recenzanto, ke la eldonanto estus pli bone aginta, sendante siajn tekstojn al Vegetarano por publikigo, anstataŭ eldoni novan bulteneton, pri kies regula apero nenio estas dirita sur la unua numero.

**Sveda Laborista Esperantisto,** eldonanto Einar Adamson, Brynäsgatan 30, Gävle, Svedujo. En sveda kaj Esperanta lingvoj. Bona kontraŭnaciisma bulteno. Kristnaska numero sub titolo „La Verda Stelo" (Gröna Stjärnan).

**Ukraina Stelo,** monata, aperas nun sub adreso: Eldonejo Bystrycia, Lypova strato 76, Stanislavovo, Orienta Galicio.

Aliaj Esperantaj revuoj ricevitaj: Amerika Esperantisto (507 Pierce Building, Boston 17, Mass., Usono), Arbeiter-Esperantist (A. Sproeck, Berlino N. 37, Chorinerstr. 45, Germanujo), Arguso (M. C. Rodriguez, Apartado 2482, México D. F., Meksiko), Aŭstra Esperanto-Raporto, Vieno (VI, Mollardgasse 55, Aŭstrujo), Bizantio (Konstantinopolo-Pera, Tépé-Bachi 59, D-ro Anakreon Stamatiadis), Brazila Esperantisto (Praça 15 de Novembro 101, Rio de Janeiro, Brazilo), The British Esperantist (Londono W. C. 1, 17 Hart Street), Bulgara Esperantisto (Sofio, Bul. Maria Luiza 46), Corriere Balcanico-Esperantista (Prof. A. Lacalendola, Via Abate Gimma 52, Bari, Italujo), Esperanto (UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Ĝenevo), L'Esperanto (San Vito al Tagliamento, Italujo, Prov. Udine), La Espero (Henning Halldor, Helsinggatan 9, Stokholmo V, Svedujo), Export Esperantist (Chicago, Ill., 102 N. Wells St.), France-Esperanto (Parizo 9, Rue de Clichy 51), Holanda Esperantisto (C. G. Sterkenburg, Hazekamp, Zutfen, Nederlando), Hungara Esperantisto (Szentháromság-str. 30, Szeged, Hungarujo), Informa Bulteno (Baja de San Pedro 5, prl. Barcelono, Hispanujo), Kristana Espero (Kaustinen, Finlando), Literaturo (21 Russelcroft Road,WelwynGardenCity, Anglujo), Litova Stelo (J. Maĉernis, Ukmerge pl. 45, Kaunas, Litovujo), Martò, Haida (Ĉeĥoslovakujo), Le Monde Espérantiste (3 rue Sophie-Germain, Parizo 14, Francujo), La Revuo Orienta (Uŝigome, Ŝinogaŭamaĉi III — 14, Tokio, Japanujo), La Policisto (A. Marich, Budapeŝto IX, Üllöi-ut 59, IV, 8, Hungarujo), La Progreso (Plzeň, Radyňská ul.10,Ĉeĥoslovakujo), Sennacieca Revuo (24 Boul. Beaumarchais, Parizo XI), Teristo (St. Szabuniewicz, poŝtkesto 663, Moskvo, Rusujo), Espero Teozofia (V. Cimr. Krakovská 17, Prago II, Ĉeĥosl.), Esperanto Triumfonta (Th. Jung, Kolonjo-Horrem, Germanujo), Unuigita Tuthomaro (W. Heydorn, Hamburgo 15, Germ.), La Verda Ombro (S. Ren, P. SO, Taihoku, Formosa, Japanujo), Verda Utopio (5265 Uehommaĉi 7—Chome, Minami-Ku, Osaka, Japanujo), Libero (T. Karakaŭa, Sanko Esperanto-Grupo, Dai-3-Kotogakko, Kioto, Japanujo). La Semisto, (Mendizabal 3, Sabadell, Katalunujo.) —

**Tra la Literaturo,** dumonata informilo por libro-amantoj. Eld. Friedrich Ader, Dresden-A., Bambergerstr. 43, Germanujo. Raportoj pri Esperantaj libroj kaj revuoj. Ankaŭ nia bulteno estas interesige citita. —

### Broŝuroj, Libretoj k. c.

**La ekonomiaj Fortoj en Finlando,** bela statistika propaganda broŝuro eldonita de la Finlanda Foiro (Suomen Messut) en Helsinko, kiu sendis ankaŭ novjarajn bondezirojn. En tre belaspekta formo kun ilustraĵoj, tiu ĉi simpatia libreto verkita de instruisto Leon Ekstrand kaj D-ro fil. Martti Kovero donas sciindajn informojn pri la tuta ekonomia vivo kaj stato de Finlando.

**La Unismo,** unuiga, nacia, internacia, socia movado. Nova plano de kunhelpa rekonstruado politika kaj industria. Broŝureto havebla ĉe Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia. Por kontraŭbatali la mondan ĥaoson kaj la malsaton, la sistemo nomita Unismo proponas kompromison, kies ĉefaj postuloj estas, ke la individuo produktu kaj la komunumo disdonu.

**Vojaĝo de Blinda Esperantisto al Finlando kaj Svedujo,** de W. Percy Merrick. Anglalingva broŝureto havebla de la aŭtoro: Woodleigh, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Zorgegu pri la Infanoj,** tria eldono de flugfolio kontraŭalkohola, eldonita de J. Bredall, 3 Birdhurst Road, Croydon apud Londono, Anglujo. Dankinda alsendaĵo tre disvastiginda!

**Dekdu,** poemo de Aleksandro Blok, tradukita de N. V. Nekrasov. Havebla ĉe „La Nova Epoko", 1a Tverskaja-Jamskaja 35, kv. 5, Moskvo, Rusujo. Revolucia poezio. Prezo 2 respondkup.

**Kantareto** kristana Esperanta; 11 kantoj kun klare presita melodio. Prezo 40 svisaj centimoj aŭ egalvaloro en bonaj bankbiletoj. Adr.: P. Hübner, Quedlinburg, Bergstr. 1a, Germanujo.

**Kio estas la Biblio,** de pastro H. Lenk. 51-paĝa broŝuro havebla ĉe sama eldonanto kiel la Kantareto.

**Lingvaj Decidoj,** folieto de la Prezidanto de la Akademio, Prof. Cart, de la 15-11-22, kun listo de L. K.-anoj kaj decido pri la rajto de la Akademio, elekti korespondantojn, se bezone eĉ ekster la L. K.-anaro. —

**Kremacio kontraŭ Enterigo,** 16-paĝa broŝuro laŭ parolado de D-ro Hugo Erichsen en la Instituto de Carnegie, Indianapolis (Usono), havebla ĉe A. T. Roever, 519 Union Central Building, Cincinnati, Ohio, Usono. Bona defendo de la cindrigo de mortintoj kontraŭ la enterigado.

**Bog** (Dio), 32-paĝa bulgarlingva broŝuro eldonita de la Biblioteko „Ljubov" (Amo), Sofio, Bulg. Dio estas Amo, estas la esenca enhavo de tiu ĉi simpatia broŝureto. —

**Vojna** (Milito), impresiga, ilustrita broŝuro kontraŭ la milito, eldonita de „Vyzraĵdane", Sofio, ul. Botev 13, Bulgarujo. La teksto estas ĉefe prenita laŭ Tolstoj, Maupassant, Ĥiriakov, Claude Tillier (aŭtoro de la bonega libro „Mia Onklo Benjamino"), evangelio de S-ta Luko k. a. En bulgara lingvo.

**A Vindication of Natural Diet** (Defendo de Natura Dieto), eldiro de Percey Bysshe Shelly, la fama angla aŭtoro, pri vegetarismo. Eld.: C. W. Daniel Ltd., 3 Tudor Street, E. C. 4. Anglalingva.

**Vegetarana Gastejo** Vilao „Beatrice", Pedrengo (Bergamo), Italujo, dissendis propagandilojn.

**Lev Tolstoj,** biografio pri Tolstoj en bulgara lingvo, kun ilustraĵoj, laŭ N. Apostolov tradukita de A. Canova, eldonejo Vyzraĵdane, Sofio, strato Botev 13, Bulgarujo.

**Eine christliche Internationale** (Kristana Internacio), propaganda broŝuro eldonita en germ., franca kaj angla lingvoj. Ĉefsekretario: Oliver Dryer, 17 Red Lion Square, Londono W. C. 1, Anglujo.

**L'Humanité et les Animaux** (La Homaro kaj la Bestoj), bonega, flamanta franclingva broŝuro kontraŭ la buĉado kaj viandmanĝado, de J. C. Demarquette. Eld.: Société Naturiste Internationale, 6 Rue du Port Mahon, Parizo 11a. Tre rekomendinda.

**Elementarlehrbuch** der Esperantosprache, Emil Stark; eldonejo F. Hirt & Sohn, Lipsio, Salomonstr.15, Germanujo. Nova eldono de la bone konata instruilo por germanlingvanoj. La eldonejo jam garantias pri la boneco de la libro.

De la konata aŭtoro Bernard Shaw aperis antaŭ proksimume unu jaro nova libro „ReenalMetuzalaĥo!" (Back to Methuselah), kiu estas nova majstroverko kaj meritas longan priparolon. O. B.

**Katolika Preĝlibro,** de P. M. Prof. Carolfi, Paulus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, prezo bind. nfl. 0,70, kart, nfl. 0,40. Tiu ĉi libreto estas nete, en konvena poŝformato eldonita kolekto de ĉiuspecaj preĝoj, litanioj, psalmoj, himnoj, kantakoj, krom la tuta sankta meso. Ĝia bona stilo rekomendas ĝin ankaŭ al nekatolikoj, kiuj ĝis nun vane serĉis fidindan religian terminaron. M. v. R.

### Internacia Vivo.

**Germana Pacifista Kongreso.** La dekunua germana kongreso de pacifistoj okazis de la 2a ĝis la 4a de oktobro 1922a en Lipsio (Leipzig), arranĝita de dekkvin germanaj pacifistaj organizoj, kies komuna devizo estas „Neniam plu militon!" Inter la rezolucioj de la kongreso estas rimarkinda la jena:

Laŭ vidpunkto de la kongreso unu el la plej gravaj principoj de ĉia ŝtata kaj internacia leĝdonado estas la absoluta rajto de la individuo, disponi mem libere pri sia vivo. Admirante la heroan ekzemplon, kiun donis la militservrifuzantoj de multaj landoj, speciale la „konsciencaj kontraŭuloj" en Britujo kaj Usono, la kongreso rigardas la militservrifuzon kiel unu el la plej bonaj defendiloj kontraŭ la milito.

Tre impresige parolis Prof. Mendelssohn-Bartholdy pri „La limigo de la suvereneco", klarigante, ke la suverenaj personoj faris kaj faradas militon kaj faris kaj faradas pacon; sed la nesuverenaj grandaj amasoj suferas pro militoj kaj pro neplenumeblaj packondiĉoj. —

La Germana Pacifista Studenta Ligo translokiĝis de Berlino al Munĥeno (München), kie ĝia adreso estas: Wolfgang Medding, Giselastr. 18.

**Kristana Internacio.** En la kolonio Sonntagsberg (poŝto Rosenau, Aŭstrujo) okazis de la 7a ĝis la 14a de aŭgusto kongreso de kristanaj internaciistoj. Centkvardek personoj el ĉiuj landoj, konfesianoj kaj senkonfesiaj, kuniĝis en unu celado: ebligi la veran kristanecon, por kiu frateco, amo kaj komuneca sento estas la plej alta principo. Ili ekkonis, ke nur efektiva agado kaj vivado laŭ la instruo de Kristo, ne iu ajn dogma konfeso, estas vera kristaneco kaj ke ĉiu ajn

kristano neniel povas partopreni en milito aŭ ia ajn perfortado. Jam en 1919 kaj 1920 la konsekvencaj kristanoj havis kongreseton en Bilthoven (Nederl.)

En **Bulgarujo** la kultura vivado en la direkto al tuthomaranismo estas speciale vigla. Jam ofte ni citis la nesupereblan revuon „Vyzraĵdane" eldonatan de Stefan Andrejĉin (Sofio, Botev 13). Pri „Libera Edukado" kaj sub tiu ĉi titolo Dimitr Kacarov eldonas monatan revuon por pedagogia kulturo (sama adreso) Plue en Sofio aperas (strato Maria Luiza 7) duonmonata gazeto „Novo Obŝtestvo" (Nova Socio) redaktata de Stojan Bajrov. Fine aperis nova revuo monata „Jasna Poljana" (laŭ la bieno Jasnaja Poljana de Leono Tolstoj) sub redaktado de Vasil Apostolov. En la unua numero ni trovas kronikon pri Ruslando el nia Vegetarano. Speciala organo de la vegetara ligo bulgara estas „Pregled", adreso strato 6. septemvri 1, Sofio. Ankaŭ kontraŭalkoholaj revuoj aperas.

Ankaŭ en **Hispanujo** la movadoj al niaj idealoj estas viglaj. Multnombraj estas la vegetaranaj kaj naturismaj revuoj. Inter ili la revuo „Naturismo" (Barcelono, Travesera 117 pral. 1) enhavas denove artikolon pri Esperanto. La revuo „Eugenia" (Barcelono, Pasaje Sta. Eulalia 5), parte redaktita en Esperanto, okupiĝas speciale pri pura seksa vivo kaj suprenvolviĝo de la raso. Tre valoran laboron tiurilate faris Enrique D. Madrazo, fama pedagogo kaj unu el la plej eminentaj hispanaj sciencistoj. La gazeto Cultura y Acción (Kulturo kaj Agado) laboras por pliklerigo kaj liberigo de la laborantaj amasoj. Adreso Estébanes 2 bajo, Saragoso, Hispanujo.

Ligo de Eŭropanoj kun centro en la libera urbo Danzig, Langermarkt 5, II., celas la unuiĝon de la ŝtatoj de Eŭropo. Oni postulas nek kotizon nek alian pagon, sed nur propagandan agemon.

**De Wapens Neder!** (For la Batalilojn), la nederlanda revuo kontraŭ arme-servado, eldonis speciale riĉan kristnaskan numeron kun artikoloj en pluraj lingvoj, ankaŭ Esperanto. La enkondukan artikolon verkis nia samideano N. J. C. Schermerhorn, verkinto ankaŭ de la Esperantlingva artikolo „La Mondbatalo". Ekzempleroj estas haveblaj ĉe J. Harinck, Postbus 275, Hago (poŝtĉeka konto 31 762), prezo 10 ekz. nfl. 0.90 plus afranko. La enhavo estas vere rekomendinda, speciale artikolo de Eugene Debs (amerika kontraŭmilitisto) „Ik ben schuldig" (Mi estas kulpa).

En **Anglujo** la Ligo por Paco kaj Libereco (League of Peace and Freedom, 90 Avenue Chambers, Southampton Row, Londono W. C.) vigle laboradas, aranĝante publikajn paroladojn kontraŭ la milito, la vivisekcio, la krueleco al bestoj, la mortiga sporto k. t. p. Nia anino Dorothy Matthews la 1an de decembro 1922a parolis pri humanitarismo kaj edukado, s-ro Edward G. Smith pri humanitarismo kaj mondpaco. Aliaj paroladoj okazis pri La Frenezeco de Sporto, Krueleco en Vestaĵoj kaj Amuzoj, La Rilatoj inter dieta Reformo kaj Homara Progreso, La Etiko de Vivisekcio, La Mortigado pro Sporto. La ligo havas specialan Komitaton por Bestprotektado (The Animals' Welfare Commitee).

Rilate je la Krueleco en Vestajoj estas raportinde, ke en Norvegujo ekzistas jam ok farmoj, en kiuj blankaj vulpoj (arĝentkoloraj vulpoj) estas bredataj, por havigi peltaĵojn al la sinjorinaro! La vulpoj estas nutrataj per fiŝa kaj mambesta viando kaj iom da lakto por la idoj. La direktoroj estas „bestamikoj", kiel diras en nevola ironio la gazeta informanto. Eble li ne propramane mortigas ilin por la „sankta" celo. Laŭ tiu koncepto la plej teruraj militistoj de ĉiuj epokoj estis homamantoj. La vulpo vivas en monogamio. La vira vulpo elektas inon por la tuta vivo, kaj ĝenerale la rilatoj inter la gevulpoj estas tre afektaj. —

**Rusujo.** La kolonion apud Moskvo (vidu Vegetaranon V/3) trafis la malfeliĉon de registaraj suspektoj. Oni arestis kelkajn gvidantojn, sed post pruvo de senkulpeco liberigis ilin post unu semajno. La prizorgataj georfoj estis forkondukataj, kaj oni eĉ provis elhejmigi la kolonianojn mem. Niaj amikoj klopodadas ankoraŭ, por reestigi la ĝisnunan staton kaj reakiri la endanĝerigitajn rajtojn. La ĝenerala vegetara movado en Rusujo troviĝas en iom kriza stato; ĉar ĝiaj ĉefoj (Ĉertkov, Bulgakov k. a.) vivas eksterlande; oni esperas je pli trankvila atmosfero. —

---

### Vegetaraj kaj parencaj revuoj.

**Rational Living**, sendependa revuo pri saneco defendanta la vegetarismon (adreso 61 Hamilton Place, New York, Usono), enhavas en sia januara numero artikolon de D-ro Bulkley pri la kancero kaj ĝia kuracado, kaj artikolon de la eldonanto, D-ro B.Liber, pri plej novaj kuracmetodoj kaj la vero pri la metodo de D-ro Abrams. Li montras la facilan sukceson de komerca kaj pseŭdoscienca propagando en la servo de trompaj metodoj.

**Prírodní Lékar,** (La Naturkuracisto), Prago-Smíchov, Palackého trida 21, Ĉeĥoslovakujo. En ĉeĥa lingvo.

**Reformblatt für Gesundheitspflege** (Reformbulteno por saniga vivado), eldonanto Moriz Schnitzer, Warnsdorf en Ĉeĥoslovakujo. Germanlingva, monata. Sub titolo „La unua ordono" kaj subskribo „Noldano", nia samideano D-ro Hiekel publikigis tie ĉi poemon pri la ordono „Ne mortigu!" La ĉeĥoslovaka respubliko per leĝo limigis la vendadon de alkoholo. La vendado de alkoholo al gejunuloj, eĉ se ili estas akompanataj de plenkreskuloj, estas malpermesita. Tre atentinda artikolo en la decembra numero (de Bannert, Berlino) priskribas la grandegan kruelecon de la fiŝkaptado.

**Naturismo,** Travesera 117, pral. 6a, Barcelono (Hispanujo), monata vegetarana revuo.

**Acción Naturista,** Fuencarral 138, 2o, Madrid (Hispan.), Organo de la Hispana Vegetara Societo, raportas en la decembra numero interalie pri la „Ligo de Boneco" fondita en la 1912a jaro en Francujo por la disvastigo de praktika morala edukado. La infanoj aliĝantaj al la ligo faras jenajn promesojn:

1) Mi klopodas, fari ĉiutage iun bonan agon.
2) Mi estos bona kontraŭ la bestoj kaj ne difektos la kreskaĵojn.
3) Mi ne mensogos.
4) Mi protektos la malfortulojn kaj helpos la malfeliĉulojn.
5) Mi estos dankema kontraŭ miaj gepatroj kaj ĉiuj, kiuj montris bonecon kontraŭ mi.
6) Mi montros mian dankemon kontraŭ la bonfarintoj de la homaro.
7) Mi respektos la maljunulojn kaj kadukulojn.

Post la lastjara kongreso de Morala Edukado en Ĝenevo tiu ĉi ligo fariĝis internacia. — En Alicante

fondiĝis grupo de naturistoj. En la hispanlingvaj landoj la naturismo subkomprenas la vegetarismon.

**El Heraldo Naturista,** Apartado 196, México D. F., Meksiko. Tiu ĉi ilustrita revuo denove enhavas artikolon favore je Esperanto. D-ro Francisco Ramirez impresige skribas kaj parolas kontraŭ la vakcinado. Li postulas, ke Meksiko sekvu la ekzemplon de Anglujo, kiu jam de kelka tempo igis la vakcinadon almenaŭ libervola.

**Eugenia,** Pasaje Santa Eulalia 5, Barcelono; monata revuo pri kulturo, speciale pri eŭgeniko, en la senco de la plibonigo de la rasoj.

**Il Messaggero della Salute,** monata itallingva vegetara revuo, eldonanto D-ro Ferri, 415 South Halsted Street, Chicago, Illinois, Usono. La numero 40a (oktobro) enhavas artikolon pri internacia lingvo favore je la projekto Interlingua; en No. 42a (decembro) aperis pri tiu ĉi temo kontraŭartikolo de nia redaktanto pri Esperanto. Bedaŭrinde tiu ĉi bona revuo lastatempe iom falis en la erarvojojn de okultismo. —

**La Revue Naturiste,** monata franca revuo eldonata de D-ro Paul Carton, 48 rue Piard, Brévannes (Seinet-Oise), Francujo. La januara numero enhavas artikolon de D-ro Schlemmer kontraŭ la „ridinda, malsaniga, humiliga, malpura kaj abomena‘ kutimo de la fumado. La decembra numero donas interesan statistikon pri la mortprocenteco de diversaj metioj, kiu montras la neceson de freŝa aero kaj moviĝado.

**La Protection des Animaux,** adreso: 23 rue de Village, Marseille, monata revuo ilustrita de bestamantoj, favoranta la vegetarismon. La revuo portas la devizon: „Scii, povi kaj tamen nenion fari, tio estas krimo“. Bedaŭrinde eĉ en Francujo estas necese, batali ankoraŭ kontraŭ la bovkuradoj, tiu abomena spektaklo, kontraŭ kiu ankaŭ niaj hispanaj samcelanoj konstante batalas.

**Le Néo-Naturien,** naturisma kaj vegetarana revueto monata kun larĝa horizonto, adreso Chatillon-sur-Thouet, près Partenay (Deux-Sèvres), Francujo.

**The Vegetarian Messenger,** Manchester 39, Wilmslow Road, Rusholme, Anglujo. Frapanta estas en tiu ĉi revuo la anonco de „vegetaraj“ juvelistoj, kiuj rekomendas horloĝojn, juvelojn, manĝilarojn k. t. p. akcentante speciale, ke ili ne vendas eburaĵojn aŭ manĝilojn kun ostaj teniloj. Ankaŭ fabrikantoj de vegetaraj piedvestoj anoncas: Dawson & Owen, 27 Nelson Street, Hertford (Anglujo), kiuj ofertas teksaĵajn botojn, ŝuojn, dokumentujojn, kofretojn k.t.p.

La brita Vegetarana Societo festis la 14an de oktobro la 75an datrevenon de sia fondiĝo. Okazis paroladoj de kontataj kunbatalantoj. D-ro Wash diris interalie: „La homo ne devus disfaligi la altan ŝtuparon, per kiu ĝi iom post iom kaj penplene evoluis suprenirante“.

**Vegetarische Bode,** Amstellaan 20, Amsterdam (Nederlando). Tre interesaj estas en tiu ĉi revuo la kritikoj de vojaĝintoj pri la vizititaj vegetaraj hoteloj en multaj landoj. Bedaŭrinde multaj vegetaraj restejoj estas nekontentigaj, kaj tiu fakto estas malpropagando pri la vegetarismo. La novembra numero havas artikolon de D. de Clercq kontraŭ la fumado. La enkonduka artikolo priparolas la demandon pri ovoj kaj kortbirdaro kaj konkludas, ke ni devas iom post iom fariĝi sendependaj de ovoj. Unu el la veteranoj de vegetarismo en Nederlando, J. Westendorp, festis sian 75an datrevenon de naskiĝo. Jam pli ol 50 jarojn li estas vegetarano. La revuo simpatie raportas pri nia bulteno.

Pri la **Bulgaraj Revuoj** ni raportas sub rubriko Internacia Vivo.

**Junge Menschen,** Hamburgo 13, Johnsallee 54, Germanujo, en monataj ilustritaj kajeroj aperadas, por disvastigi precipe inter la maturiĝanta gejunularo sanan vivmanieron, sincerecon de la pensado kaj pacamon. —

**The Starry Cross,** 22 South 18th Street, Philadelphia, Usono, monate eliras, por batali kontraŭ la vivisekcio kaj ĉiuj kruelaĵoj. D-ro Hadwen, la konata angla batalanto kontraŭ vivisekcio, faris paroladan vojaĝon tra Usono kaj havis multe da sukceso. En la ŝtato California (Kalifornio) oni voĉdonis pri leĝo por forigi la vivisekcion,kaj malgraŭ la intensa laboro de la vivisekciuloj kaj la ĝenerala indiferenteco de la publiko kontraŭ kruelaĵoj, triono el la ĝis nun donitaj voĉoj favoris la malpermeson. Espereble en ne tro malproksima tempo la propono fariĝos leĝo. La emiro de Afganistano publikigis dekreton por paciĝo inter la mohametanoj kaj budhistoj, donante al la hindoj (budhistoj) plenajn liberecojn en la afganistana ŝtato. —

**Solblink,** oficiala monata organo de la Dana Vegetarana Societo, Rödkildevej 40, Brönshöj apud Kopenhago. Tiu ĉi modesta kaj beleta bulteno estas tre riĉa rilate je sia enhavo. La Doktorino de medicino Regine Grönberg-Petersen ,konata pro sia batalado kontraŭ vivisekcio, eldonis impresigan broŝuron kontraŭ la vakcinado kontraŭ variolo. Raporto pri la lernejo laŭ sistemo Montessori (Devizo: „Ĉiu sennecesa helpo estas malhelpo por la infanoj“) diras, ke la dana Montessori-lernejo ĉe Fredriksund zorgas por liberaera vivado kaj okupiĝo de la infanoj kaj nutras ilin sen uzo de viando aŭ fiŝaĵo. La vegetaranino Anna Schiött faris paroladon en la kontraŭvivisekcia unuiĝo.

**Vegetarianen,** Lästmakaregatan 12, Stokholmo, monata organo de la Sveda Vegetarana Societo. En Svedujo O. G. Karlsson en Sala estas fervora batalanto kontraŭ vakcinado. En Los Angeles, Kalifornio, mortis J. M. Peebles, fervora vegetarano; mankis al li nur kelkaj tagoj, por atingi plenajn cent jarojn da vivo. —

**Deutscher Tabakgegner,** oficiala organo de la Germana Ligo de Tabakkontraŭuloj, eldonanto Richard Bretschneider, Kügelgenstr. 41, Dresdeno-A. 19, Germanujo. —

**Vegetarische Frauenzeitung,** eldonata de Martha Förster, Dresdeno-N., Helgolandstr. 11, I., Germanujo. Oficiala organo de la Unuiĝo de Vegetaraninoj kaj anoncilo de la urbaj vegetaraj grupoj en Germanujo.

**Vegetarische Warte,** oficiala monata organo de la Germana Vegetarana Asocio, Frankfurto a. M., Süd, Gartenstr. 1. Atentinda estas artikolo de D-ro A. Nordwall pri la sekcado de mortinta vegetarano.

**Sciigoj de la Ligo por Radikala Etiko** (Bund für radikale Ethik), Berlino W. 15, Düsseldorferstr. 23, Germanujo. Por vegetarismo, kontraŭ vivisekcio, alkoholo, tabako, milito. La Germana Ligo de Unuiĝoj por Laŭnatura Vivo kaj Kuracmetodo transdonis laŭ iniciato de la redaktanto de tiu ĉi bulteno, Magnus Schwantje, al la registaro decidon, kiu postulas, ke la Germana Respubliko malpermesu la vivisekcion de homoj kaj bestoj.

**Die Menschheit** (La Homaro), sendependa organo por la akcelo de germana laboro por popola paco kaj interpopola paco. Aperas ĉiusemajne; eldonanto Fritz Röttcher, Ludwigsburg (Germanujo), Harteneckstr. 69. Samtempe organo de la germana pacifista studenta ligo, kies prezidanto estas: Wolfgang Medding, Giselastr. 18, II., Munĥeno, Bavarujo, Germ.

---

**Internacia Vegetarana Kongreso en Stokholmo.**

Ĝis nun informis pri sia partopreno kiel oficialaj reprezentantoj de vegetaraj societoj jenaj personoj:

**Anglujo:** Henry B. Amos, ĝenerala sekretario de la Vegetara Biciklada Unuiĝo.

**Danujo:** Olof Egerod, Kopenhago; St. Frisk-Jensen, Kokkedal; Wilhelm Date, Kopenhago.

**Esperantujo:** Margrete Noll, Kopenhago; geedzoj Bünemann, Hamburgo.

**Francujo:** D-rino Sosnowska, Parizo; D-ro C. E. Lévy, Parizo.

**Nederlando:** Prof. Hugo Nolthenius, Laren; Inĝ. De Clercq, Zandvoort.

**Norvegujo:** O. J. Selboe, Kristiania; O. Olvik, Stord.

**Germanujo:** D-ro G. Schläger, Kassel; D-ro Nordwall, Norden.

**Hispanujo:** D-ro Ruiz Ibarra, Madrid.

La sveda pioniro de vegetarismo, Redaktisto J. L. Saxon, disponigis grandan sumon, por faciligi al la vizitantoj, speciale el la landoj kun mizera valuto, la ĉeeston dum la kongreso.

---

**Koncentrigo de la Esperantaj Fortoj.**

Unu solan abonanton la Vegetarano nun perdis, kiu motivigis sian eksiĝon per la deziro „koncentrigi la movadon". Eble lia sinteno estas influita de ĉi-rilataj artikoloj aperintaj en „Esperanto" de Ĝenevo kaj „Novaj Tempoj" (Redaktanto Habert, 23bis rue Morère, Parizo XIV).

Tre ofte oni jam akcentis, kion ripetas la Novaj Tempoj en sia numero II—1: ke en la diseco de la penadoj kaj la multeco de gazetoj kuŝas granda malhelpo por la propagando inter anoj de internacia kulturklerigo kaj universala etiko. Kiam nia bulteno naskiĝis, ĝi pravigis sian ekaperon per gvida artikoleto, kaj la fakto, ke ĝi troviĝas nun en la sesa jaro de sia ekzisto, praktike konfirmas ĝian ekzistrajton kaj la deziron de niaj amikoj, ke ĝi vivu.

Tio jam povus sufiĉi kontraŭ la aserto, ke estas necese, krei novan gazeton (ĉar kompare kun la Vegetarano la Novaj Tempoj estas tute nova entrepreno), por koncentrigi la fortojn. Nia bulteno havas tute difinitan celon, kiu malfacile povas esti reprezentata de iu alia faka gazeto sen la risko, ke la legantoj plendos pri troa predikemo, radikalismo aŭ kiel ajn nomiĝas la pekoj de personoj, kiuj deziras vivreformon sen trompiĝo per nure estetika vidpunkto aŭ politika ekstera influo.

Cetere, la gazeto „Esperanto" de Ĝenevo ĉiam direktis sian admonon pri tromulteco de gazetoj **ne** kontraŭ **fakaj** gazetoj de difinitaj organizaĵoj, sed kontraŭ senkoloraj gazetentreprenoj aŭ duobleco de naciaj organoj en unu lando.

La legantoj scias, ke ni sen komercema pripenso pri konkurenco ĉiam senpartie recenzis kaj eventuale laŭdis aliajn Esperantajn gazetojn kun difinita celo. La monata revuo „Novaj Tempoj", revuo de popoledukado, estas tre rekomendinda Esperanta organo, al kiu la skribanto, same kiel al nia kolego „Teristo" (eldonanto Stanisl. Szabuniewicz, Moskvo, poŝtkesto 663), deziras plenan sukceson kaj ampleksan legantaron. Sed ni devas peti la redaktantojn de parencaj revuoj, ke ili ne uzu la devizon „koncentrigi la fortojn", por malhelpi per ĝi entreprenojn, kiuj jam meritis al si per serioza, senprofitema, praktika laboro la apogon de samcelantoj.

Praktike nia „Vegetarano" estas tre grava por la Esperanta propagando pro tio, ke ĝi portas en sia titolo sian tendencon kaj efikas tiamaniere rekte sur la naciajn gazetojn kaj organizojn de sama tendenco. Mi povas sen troigo diri, ke nia organo kaj per ĝi la graveco de la Esperanta afero estas konata en ĉiuj vegetaraj revuoj de la mondo. Multaj vegetaraj naciaj revuoj ofte citas nian bultenon kaj Esperanton pro ĝi kaj portas la Esperantan aferon al personoj, kiuj ofte fariĝas agemaj samideanoj apogantaj ankaŭ UEA'on kaj Esperantajn gazetojn. Kompreneble plej multaj semoj dissemataj falas sur nefruktodonan teron; sed tamen ni devas fosi la sulkon, kaj ni rajtas diri, ke nia Vegetarano faris tre efikan sulkfosan laboron.

Krome per la dissendo de la Vegetarano al naciaj redaktejoj la redaktanto tre ofte ricevas interŝanĝe la naciajn revuojn kaj povas el ili (li konas kelkajn lingvojn) raporti pri la internacia vegetara movado. Jam multaj naciaj vegetaraj revuoj ĉerpis el nia modesta bulteno por sia kroniko pri eksterlanda movado. —

Laŭ tiu vidpunkto ni jam koncentrigas la fortojn, kaj kun la celo, koncentrigi la fortojn, mi petas ĉiujn simpatiantojn aŭ anojn de vegetarismo kaj puremo en seksa rilato, ke ili aliĝu al nia laboro, apogante finance kaj per efika kunlaboro nian bultenon.

O. B.

---

**Aferoj de la VEGETARA LIGO ESPERANTISTA.**

Bedaŭrinde pro la mizera valutstato la kotizo por la landoj pagantaj en germanaj markoj devis denove esti plialtigata laŭ detaloj sur la titolpaĝo. Plialtiĝis en Germanujo ne nur la preskostoj, sed la afranko duobliĝis en novembro, en decembro kaj denove en januaro. —

La estraro de la VLE ĝis nun konsistis nur el unu prezidanto kaj unu sekretario, kiu samtempe estas kasisto kaj redaktanto de la bulteno. Lin helpas la naciaj sekretarioj, kaj al kelkaj el ili li ŝuldas gravan dankon pro ilia efika helpo. Tiu kvazaŭ familia aranĝo bazita sur reciproka helpo kaj fido ĝis nun sufiĉis; sed okaze je la elekto de delegitoj por la internacia vegetara kongreso en Stokholmo montriĝis la neceso, havi certan komitatan aparaton por tia elekto. Pro manko de komitato la sekretario interkonsiliĝis pri la du delegotoj kun la prezidanto kaj la naciaj sekretarioj de Grandbritujo, Nederlando, Bulgarujo kaj Danlando (la tri unuaj pro la graveco de la movado en iliaj landoj, la kvara pro la geografia situacio rilate je la kongresurbo Stokholmo).

Estas nun indikitaj kiel delegitoj al la kongres-estraro: Samideanino Noll en Kopenhago kaj sekretario Bünemann. Se la cirkonstancoj ne malhelpos, ili vojaĝos (B. kun sia edzino) al Stokholmo, por reprezenti nian ligon dum la kongreso. Dezirinde estas,

ke ankaŭ aliaj Esperantistoj, precipe el Svedujo, partoprenu la kongreson.

Pri la komitato de la ligo alvenis ĝis nun nur unu propono, tiu de la nacia sekretario Simeonov en Bulgarujo, kiu diras:

Estas evidente, ke kune kun la plivastigo de la laboro de la Ligo ĝi bezonos ankaŭ pli ol unu personon, kiu direktos la aferojn. Sed, anstataŭ ol elekti prezidanton, vicprecidanton, sekretariojn kaj aliajn antaŭfiksitajn oficojn, estus pli bone, se oni elektus gvidantan komitaton konsistontan el personoj diversnaciaj kaj diverslandaj, kiuj formos la konsilantaron de la Ligo. Tiu konsilantaro dividos inter si la plenumon de la necesaj por la ligo oficoj; la ceteraj komitatanoj restos kiel konsilantoj en gravaj okazoj.

Tiu gvidanta komitato povas esti eĉ ne elektata dum la jarkunvenoj de la ligo; sed oni povus simple nomi la ĝisnunajn aŭ estontajn naciajn sekretariojn anoj de tiu ĉi komitato. Tiamaniere tiu komitato estus pli ampleksa kaj havus pli da kompetenteco en sia laboro. Krome la naciaj sekretarioj kiel membroj de la gvidanta komitato de la ligo prenos la taskon, interrilati kun la naciaj vegetaranaj asocioj en la diversaj landoj kaj akceli la Esperanto-propagandon inter ties adeptoj. —

La afero povas esti diskutata dum la faka kunsido en Nurnbergo. Atentinde estas laŭ mia opinio, ke la komitata aparato ne estu tro komplika, ke la distancoj inter la komitatanoj pro la tempo- kaj poŝtspezoj ne estu tro grandaj kaj ke ĝi ne bezonu okupiĝi pri tro bagatelaj aferoj. Multe pli grava estas la organizo de la efektiva laboro, ol tiu de la eventualaj decidoj. La ĝisnuna labororganizo dank' al la fervora klopodado de la plej multaj naciaj sekretarioj montriĝis bona.

Ĝenerale la anoj kaj abonantoj montras malmulte da intereso pri organizaj demandoj kaj estas kontentaj, se oni servas al ili la bultenon regule. Ekzemple, dum la dekkvara kongreso oni tute ne diskutis pri la demandoj faritaj en mia jarraporto nek donis al mi naciajn tekstojn por algluota propagandfolieto akompanonta la bultenojn, kiuj iros al gastejoj, naciaj revuoj aŭ neesperantistoj.

La ĝenerala sekretario de la „Internacia Ligo de Liberpensuloj", s-ro Kurt Hubricht, Lipsio - N., Mariannenstr. 30, III. r., Germanujo, proponis, elekti „Vegetaranon" kiel oficialan organon de tiu ĉi ligo, ŝanĝante la subtitolon. Malgraŭ sia simpatio kun la „I. L. L.", kies ano li estas, la redaktanto ne akceptis la proponon pro tio, ke jam dum nia kunsido en Hago la propono de tia kunigo estis malakceptata. Nia bulteno devas resti neŭtrala laŭ tiu ĉi flanko. Tamen, se multaj legantoj de Vegetarano deziras tian kuniĝon pro koncentrigo de fortoj, la propono povos denove esti studata.

**Kvitancoj.**

Jene estas citataj la personoj (sen titoloj, pro ŝparo de loko), kiuj post nia julia numero pagis kotizojn aŭ abonojn al la redaktanto aŭ al la naciaj sekretarioj:

Riegel Kĉ. 20.—, Karlstén sv. kr. 5.—, Ahlström sv. kr. 1.—, Riste nkr. 5.—, Voltersvik nkr. 5.—, Frederiksen dkr. 3.50, Ullar Ptoj 5.—, Meyer, Schermerhorn, Aalders po nfl. 2.—, van Rees nfl. 10.—, Szücs Leoj 60.—, Royer ffr. 16.—, Enz sv. fr. 10.—, en germanaj markoj: Remers, Denker, Stöckli Brukson po 25.—, Gottgetreu, Jänes po 30.—, Costa 50.—, ge-Bünemann 200.—, Petrov 40.—, Fukuta 75.—, Bihari kolektita 50.—, Kawahara 1200.—, Wohlstadt, Mybs, Denker, Fick, Schönherr, Schön po 120.—, Atanasov 150.—, Grafov 80.—, Dopp 250.—, Rissom 160.—, Simeonov 49 500.— (kolektita), Böbs 120.—, librejo Melchers 120.—, Köcher 150.—, Dresen (kolektita) 11 811.—, Castagnino Lit. 10.—, Ge-Roskes nfl. 12.50, ge-Bruijn nfl. 2.—, ge-Isbrücker nfl. 4.—, Pomona nfl. 5.—, Wassenaar, Terlaak, Schuurman, de Vries, van Mierop po nfl. 2.—, Osmond ŝ. 5.—, Jones ŝ. 4.—, Blaise ŝ. 1/9.—, Bünemann ŝ. 2/3, Drahovsky, Perjes, Rajci, Bihari, Joó, Szabó, Thomasko, Hirschler, Biscérdy, Magyar, Mladiata po Khung. 150.—, Rye Dkr. 3.50, Familio Alseika Lid. 6.—, Ruokis Lid. 3.—, Maĉernis Lid. 1.50.—, Duda Lid. 1.50.—, Medem Lid. 3.—, Butkus Lid. 1.50, Jeĉius Lid. 1.50, Salokannel Fm. 20.—, Peña Dol. 1.—.

**Leterkesto.**

**Al la legantoj.** Pro diversaj malhelpoj tiu ĉi numero ne povis aperi pli frue. Mi faros mian eblon, por aperigi la aprilan numeron tute ĝustatempe.

**M. C. Bahia Blanca.** Mi devas limigi mian korespondadon al la Esperantista samideanaro kaj eĉ al samideanoj ofte pro tempmanko ne povas tuj respondi. Pri la vivo de Kuhne mi ne havas informojn.

**M. S. Vincennes.** Mi provis, havigi al vi germanajn ilustritajn poŝtkartojn pri vegetarismo; sed ili estas finvenditaj kaj ne plu haveblaj.

**D. S. Sofio.** Pro la jam fariĝinta kutimo mi konservis la y por transskribo de la bulgara litero, kvankam Bulgara Esperantisto akceptis î laŭ rumana ekzemplo. Pola kaj ĉeĥa lingvoj uzas y. Mi, kvankam konante ĝin, ne uzis la rusan formon „Vozrajdenije", por konservi la bulgaran originalecon.

**J. B. Moravka:** Kobajoj estas bestetoj apartenantaj al la klaso de mordetuloj (gliroj aŭ roduloj); ruse morskaja svinka, germane Meerschweinchen, angle guinea pig, france cobaye. La de vi citita flugfolio enhavas multajn lingvajn nekorektajojn kaj nefundamentajn vortojn; ankaŭ ĝia enhavo ne estas ĉiel aprobinda, sed nur laŭ la bona celo, kiu povus esti multe pli bone kaj pli trafe defendata.

**R. C. Siracusa.** Mi ne povas doni al vi la indikon pri itallingva vegetara kuirlibro; sed supozeble s-no Pierina Pandolfi, Via Carlo Alberto 2, Milano, la estrino de la vegetara manĝejo, povos informi vin.

**Stastitiko.** Preciza statistiko eĉ hodiaŭ ankoraŭ ne estas ebla pro la nesufiĉaj informoj de kelkaj naciaj sekretarioj. Adresaro de nove aliĝintoj aŭ abonintoj ankoraŭ ne aperas pro troaj preskostoj kaj tiala limigo de la bultena enhavo.

**I. G. Voznesenskaja.** Dankon pro via artikolo, kiu tamen ŝajnas iom tro longa. Pli agrablaj estus raportoj pri la vegetara movado.



Presejo: Schultz & Thiele, Hamburg (Germanujo), Brauerstr. 45.